FONDEE en 1908 — 3e SERIE
36e ANNEE - N° 253 - JUILLET 1968

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : 770.55.03



**Zamenhof-Festo : Horo de la Studenta Esperantista Rondo de Aix - Marseille ; nun, organizantoj de la 3a Kongreso de la Studenta Tutmonda Esperantista Ligo.**

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E.(Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris Xe - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. André RIBOT,** 11, rue P.-Vergne, 47 - MARMANDE. — Tél. 730.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

## Quelques-unes des personnalités françaises patronnant l'action d'information sur l'Espéranto

M. **Maurice GENEVOIX,** de l'Académie Française ;
M. **Jean ROSTAND,** de l'Académie Française ;
M. **Charles MAURAIN,** de l'Académie des Sciences ;
M. **Maurice FRECHET,** de l'Académie des Sciences ;
M. **Jean WYART,** de l'Académie des Sciences ;
M. **Charles CAMICHEL,** de l'Académie des Sciences ;
M. **Georges AURIC,** de l'Académie des Beaux-Arts ;
M. **Jean CHARBONNEAU,** général, de l'Académie des Sciences Coloniales ;
M. **Pierre ESCOUBE,** Conseiller-Maître à la Cour des Comptes ;
M. **Henri BAÏSSAS,** Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **Paul MAUREILLE,** Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **André ALLIX,** Recteur d'Académie ;
M. **Maurice BAYEN,** Recteur d'Académie ;
M. **Emile DELAGE,** Recteur d'Académie ;
M. **Paul DOTTIN** (†), Recteur d'Académie ;
M. **Paul GERVAIS,** Inspecteur principal (Service Académique Jeunesse et Sports) ;
M. **René COUTEAUX,** Professeur à la Faculté des Sciences ;
M. **André CAILLEUX,** Professeur à la Faculté des Sciences.

**Abonnement d'un an à « FRANCA ESPERANTISTO » : 20 F.**
au C.C.P. 855-35 Paris, de l'Union Française pour l'Esperanto

## MALINTELIGENTA RIFUZO

Ni eksciis, ke la Internacia Olimpika Komitato respondis negative al la letero de hungaraj ĉampionoj kaj sportistoj pri la lingva problemo... Unu el la deklaritaj celoj de la Olimpikoj estas krei internacian amikecon. Evidente sufiĉas rideti, parolo ne necesas. Unu plia ekzemplo montranta, ke ni neniam devas fidi oficialan organizaĵon. Ni kompreneble devas « enŝteliĝi » en oficialajn rondojn, sed ne multon ni devas esperi de ili.

(el la Revue ESPERANTO)

Al tio ni volas aldoni, ke en la Antikvaj Tempoj, la Olimpikaj Festoj konsistis ne nur el sportaj, sed ankaŭ el diversaj artaj kaj intelektaj provoj, Ŝajnas, ke tiu spirita flanko de tiuj manifestacioj estas forlasita... Tio donos plian atuton al la kritikemuloj, ke la intelekta nivelo de multaj sportistoj estas nealta. Domaĝe kaj bedaŭrinde.

## 1 SEMAJNO = 15 TAGOJ

Jen la propono de la organizontoj de la 3-a Stelo kongreso kiu okazos en Aix-en-Provence de la 13-a ĝis la 20-a de Aŭgusto 1968.

Vi certe scias, ke la studentoj el orienta Eŭropo malfacile vojaĝas eksterlanden, sed tamen ili ege deziras partopreni la laboron de tiu internacia studenta kongreso.

Ni do proponas al vi sendevizan ŝanĝon : vi pagas 200 frankojn t.e. la aliĝon kaj la restadon kaj la poŝmonon de iu partoprenonto, kaj aliflanke vi travojaĝos libere la elektotan de vi landon aŭ ĝuos la gastemecon de la loĝantaro dum **Du Semajnoj,** en la momento, kiu plaĉos al vi.

Se vi interesiĝas pri tiu helpŝanĝo, bonvolu vin turni al **Cercle des Etudiants Esperantistes de l'Université d'Aix-Marseille,** 28, rue Portalis, 13 - Aix-en-Provence.

SOMMAIRE



**Nia pariza sidejo 34, rue Chabrol, 10° estos fermita de 31 JUL ĝis 4 Sep.**

# OFICIALAJ KOMUNIKOJ DE U. F. E.

# DE AJSO AL STRASBURGO !

Sian 70-an jaron, sian 60-an kaj jubilean kongreson la franca asocio digne festis. La oficialaj laboroj evoluis en frata kaj diligenta etoso dum ekstere torente pluvis. Ne mankis la kutimaj kontaktoj kun la aŭtoritatoj, kiuj varmakore nin alparolis aŭ akceptis. Vizitoj kaj ekskursoj konigis al ni Provencon kaj ni omaĝis al Mistral, unu el la grandaj poetoj de la Homaro.

Sed super ĉio la sukceso de la kongreso estas kolektiva atingo. La materian organizon ni ŝuldas ne nur al niaj amikoj en Aix-en-Provence sub la eminenta prezidado de S-ro Jullien kiu mem faris enorman laboron, sed ankaŭ al la Marsejlanoj personigitaj de S-ro Garrigues kaj lia edzino. Aliparte ni ne povus tro substreki, ke la kulturan flankon ni pridankas al pluraj lokaj societoj : Ajso, Liono, Nico, Parizo, Tuluzo por citi nur tiujn kiujn mi prave-malprave tenas en la memoro. La ĉeestantoj estis unuanimaj por aplaŭdi la altan nivelon de la distra vespero : kiel diapazono, ĝi certe donis la tonon por nia tuta kultura manifestacio.

Karaj geamikoj, ni devas daŭrigi sur tiu vojo : en Pentekosto 1969 nin atendos nova spertado. Ni decidis kongresi en Strasburgo. Ni ankaŭ decidis tien inviti niajn germanajn amikojn, tiel ke niaj respektivaj laŭstatutaj Ĝeneralaj Kunvenoj okazu unu apud la alia, sed ke la pure kulturaj aranĝoj povu esti komunaj ; tiel ke ĉiuj povu profiti kune kun alta kultura nivelo ankaŭ tiun etoson de homa solidareco tiel kara al Zamenhof kaj niaj unuaj pioniroj.

Jam nun ĉiu kapabla loka societo, ĉiu kompetentulo pripensu per kio li povos kontribui. Ni devas sukcesi kun la helpo de ĉiuj : ni sukcesos ! Kaj kiu scias : eble en postajaro ni ekzemple povos simile inviti niajn italajn amikojn en iun urbon de la Riviero ?

D-ro A. ALBAULT.

# KONKURSO "KIEL PROGRESIGI..."

En Ajs-en-Provenco okaze de la 60-a Nacia Kongreso estis proklamitaj la rezultoj de la konkurso « Kiel progresigi nian lingvon kaj movadon en Francio ? » proponita en la pasinta Septembra numero de la Revuo.

Dekunu personoj partoprenis ĝin per 12 verkoj kaj ni scias, ke en diversaj lokoj ĝi estigis diskutojn ; tamen la eble iom mallonga tempo ne ebligis al ĉiuj surpaperigi siajn ideojn. Sed ke certe pli multaj cerbumis pri la temo, la subskribinto ja scias, se nur per tio, ke li ricevis pli ol unu leteron ; sed bedaŭrinde li ne povis ilin konsideri por la konkurso, ĉar ili tute ne atentis la publikigitan regularon. Tre certe la partopreno por la sekva konkurso estos pli granda.

Juĝis la proponitajn tekstojn komisiono konsistanta el S-roj Thierry, Ribot kaj Albault.

En la senco de la artikolo 5 de la regularo, la komisiono opiniis, ke « per si mem meritas esti publikigitaj » jenaj kvin artikoloj : 1) « Moderna strategio por antaŭeniri » de A. Frangeul ; 2) « Kiel progresigi... » de S-ino Lilli Giloteaux ; 3) « Kial ne ? » de A. Mathis ; 4) « Kiel progresigi... » de F-ino C. Nourmont ; 5) « Kun honto, mi konfesas » de E. Wermelinger. Tio signifas, ke la redakcio plene rajtos aperigi kiun ajn el tiuj kvin artikoloj.

Aliparte la komisiono decidis, ke ĝi devas doni tri premiojn, nek pli nek malpli por tiu unua jaro. Tiujn tri premiojn ĝi aljuĝis jene : Unua premio al S-ro Frangeul (100 F.) ; du Duaj premioj (po 50 F.) al S-ino Giloteaux kaj F-ino C. Nourmont. Tiuj premioj rajtigos la laŭreatojn ricevi ĉe la libroservo de U.F.E. librojn por la koncernaj sumoj.

Kvankam tio neniel pezis sur ĝiaj decidoj, la komisiono estas feliĉa konstati, ke S-ro Frangeul estas unu el niaj longdataj kaj plej diligentaj pioniroj, ke S-ino Giloteaux treege helpas sian edzon, konata pro sia bonega informlaboro, kaj ke F-ino Nourmont estas tre aktiva inter la gejunuloj. Tiel okazis, ke la konkurso simbole rekompencis niajn pionirojn, iliajn edzinojn kaj ankaŭ la gejunulojn, espero de nia venonteco.

Sed la ĉefa rolo de tiu konkurso estas instigi ĉiun konsciiĝi pri niaj praktikaj problemoj kaj serĉi la plej bonajn solvojn. Tio estas necesa en nia epoko, en kiu ĉio tiel rapide evoluas.

Sekve ni opinias, ke ni devas daŭrigi tiun konkurson : ni ĉiujare donos novan temon el la sama ideokampo, tamen pli specialan, pli limigitan, kaj ĉiu el vi tiel havos la okazon cerbumi kaj proponi solvojn, ĉu tute novajn, ĉu male bone elpruvitajn, pri kiuj vi do povos raporti jam akiritajn rezultojn.

La rezultojn de la konkurso 1968-69 ni proklamos en Strasburgo. Kaj ĉi-foje ni proponas al via atento jenan temon :

*« Kiel reteni en la movado la novajn lernantojn? »*

Jen temo pri kiu ĉiu aktivulo iam aŭ aliam havis okazon pripensi almenaŭ unu minuton. Ni nun donas al vi la okazon longe cerbumi kaj konigi viajn opiniojn, viajn spertojn, viajn esperojn !

Profitu tiun konkurson por aranĝi debatojn en viaj vesperaj aŭ monataj kunvenoj : vi scias, ke krom individuoj ankaŭ grupoj rajtas konkursi. Via cerbumado povos profiti al la tuta movado (la plej bonaj tekstoj aperos en la revuo) kaj se vi gajnos premion vi povos riĉigi vian bibliotekon aŭ tiun de via grupo.

Ni aldonu ,ke ni publikigos la regularon en unu el la sekvantaj numeroj de la revuo, sed esence ĝi ne multe diferencos de tiu publikigita en la numero de lasta Septembro. Do, ek ! Al viaj inkofontoj !

D-ro A. ALBAULT.

# 60-a Nacia Kongreso de UFE 13-16 Apr. 68
# Protokolo de la Kunsidoj de la Ĝenerala Kunveno

### I. - Unua kunsido : sabaton la 13-an de Aprilo 1968 je la 14-a horo

Estis reprezentitaj la jenaj federacioj :
— Provenca : S-ro Pazzini.
— Langvedoko-Rusiljona : D-ino Vierne.
— Centro-okcidenta : S-ino Cheverry.
— Pariza : F-ino Aubrun.
— Rodano-Alpa : F-ino Triolle.
— Burgonja : F-ino Lapinte.
— SudFrancio-Pirenea : S-ro Arrieu.
— Orienta : S-ro Chapelier (reprezentanto de S-ro Denis malhelpita ĉeesti).

La Norda kaj Normanda federacioj havis neniun reprezentanton.

D-ro Albault legas salutleterojn de D-ro Lapenna, Ralph Harry, ambasadoro de Aŭstralio en Belgio, D-ro Regulo-Pérez kaj aliaj amikoj.

Post alvoko lia al starigo de komisionoj konsentis kunlabori :

a) Komisiono pri voĉdonoj : S-ro Cugny, prezidanto ; membroj : F-inoj Annie Triolle kaj D-ino Vierne, S-ro Debande.

b) Komisiono de la laborplano : S-ro Babin, prezidanto ; membroj : S-roj Boyet, Llech-Walter, Tresorier (JEFO), F-ino Bonnafous.

Komisiono pri statuto-reglamento : J. Thierry, prezidanto ; membroj : S-roj Laurent, Angevin, F-inoj Comino, Triolle Renée (JEFO).

La kongresa protokolo de Calais (1967) estis unuanime aprobita.

*Diskuto pri la agada raporto de U.F.E. dum 1966-67 (aperinta en la U.F.E.-jarlibro).* — La Prezidanto D-ro Albault invitas la personojn, kiuj havas rimarkojn por fani pri tiu raporto. F-ino Triolle protestas pri aperigo en la agada raporto de frazo laŭ kiu « JEFO estas stagnanta movado de la franca junularo ». D-ro Albault ja konas la viglecon de la franca junularo sed rimarkigas, ke la agada raporto de la franca junularo ne alvenis akurate. Plie, S-ro Bourdeaux konigas, ke tiu frazo estis eltirita el la raporto de la ĝenerala sekretario de JEFO, S-ro Courtois.

S-ino Cheverry proponas, ke la gvidantoj de la diversaj federacioj sendu liston de gejunuloj al JEFO (membroj de federacioj kaj ankaŭ gelernantoj). S-ro Jossinet demandis pri la agado de la oficialaj U.F.E.-reprezentantoj en la komitato de U.E.A. : S-ro Guillaume respondis.

### II. - Dua kunsido : dimanĉon la 14-an de aprilo 1968

Thierry. S-ino Ballaven estis elektita nova membro

D-ro Albault donas la rezultatojn de la laboroj de la 1-a komisiono : estis reelektitaj kiel konsilianoj S-roj Albault, Asqueri, Bernard, Boyet, Dettwiller, de la Konsilio.

*ESTRARA RAPORTO DE U.F.E. POR 196-67 :*

— La agada kaj la financa raportoj estis unuanime akceptitaj. Responde al nova cirkulero de iu, eksmembro de U.F.E., estis disdonitaj al la reprezentantoj de la federacioj, refutado multobligita de la sekretario pri financoj, S-ro Royer.

S-ro Ribot raportas pri *« Franca Esperantisto »*. Li substrekas la financajn malfacilaĵojn kaj la nepran neceson plialtigi la nombron de abonantoj, eĉ eksterlandanoj. Li precizigas la limdaton por sendo de aperigotaj artikoloj : plej malfrue la 20-an por la numero de la venonta monato. Li petas, ke oni prezentu kritikojn pri la enhavo de la gazeto. S-ro Bourdeaux anoncas, ke estas nun studata projekto pri plibonigo kaj pliriĉigo de la revuo. S-ino Cheverry petas pli ampleksan rubrikon pri la agado de U.F.E. S-ro Bourdelon petis, ke oni presigu jartabelon de la artikoloj. S-ro Ribot respondis, ke ĝi aperos, kondiĉe ke oni trovu novajn abonantojn kaj legantojn kiuj ĝin uzas. Iu petis pliampleksigon de la reklamoj por subteni la eldonon de la revuo. Estonte estos ankaŭ aperigota la abonprezo en ĉiu numero. F-ino C. Nourmont bondeziras ke « Franca esperantisto » estu nur esperantlingva. D-ro Albault favore alvokas al amasa abono de la ilustrita informbulteno « Espéranto-Actualités » : ĉiu grupo, ĉiu federacio disdonu ĝin al eminentuloj, oficialaj instancoj, lokaj kaj regionaj gazetoj. Konklude, D-ro Albault relegas la lastan frazon de la raporto de S-ro Royer « ĉiu en sia angulo fakte respondecas pri nia plua ekzistado ».

*Raporto pri Franca Esperanto Instituto*

S-ro Thierry, prezidanto de F.E.I. atentigas pri 2 ĉefaj punktoj :

a) la kandidatoj por la « Atesto pri Kapableco » estas tro malmultaj : la lingva nivelo de la francaj esperantistoj estas ĝenerale malalta.

b) li instigas ĉiujn altigi la lingvonivelon kaj konsilas « Por la Praktikantoj » tre taŭga por supera kurso. Li aldonis, ke U.F.E. ĵus reaperigis la bonegan broŝuron de Prof. Waringhien « ABC d'Esperanto à l'usage de ceux qui aiment les lettres ».

Sekvas debato pri lernolibroj por kursgvidantoj.

S-ro Guillaume poste raportis pri la rilatoj de U.F.E. kaj U.E.A. kaj alvokas pri aliĝo al nia komuna organizaĵo internacia. Li legas leteron de prof. Lapenna, petante al la grupoj okazigon de specialaj kunvenoj rilate « 1968, jaro de la homaj rajtoj ». « La universala deklaracio » aperinta en Esperanto estas havebla ĉe U.E.A. kaj U.F.E.

*La laborplana komisiono* prezentas siajn konkludojn far S-ro Babin :

— ampleksigi la nombron de simpatiantoj ;
— ampleksigi la disdonadon de « Espéranto-Actualités » ;
— ampleksigi la informadon en la gazetaro, radio kaj T.V. ;
— pli bone informadi la U.F.E.-membrojn pri la laboro de la asocio ;
— levi la nivelon de la komencantoj kaj ĝenerale de ĉiuj esperantistoj.

La raporto estis unuanime aprobita de la ĉeestantaro.

*La statuta komisiono* prezentis siajn konkludojn far F-ino Triolle. Aprobo unuanina.

### III. - Tria kunsido de la 15-a de aprilo

D-ro Albault prezentas la novan estraron de U.F.E. :

Prezidanto : D-ro Albault ;

Vic-prezidantoj : S-roj Boyet, Guillaume, Rougetet, Thierry ;

Ĝenerala sekretario : S-ro Bourdeaux, helpsekretariino : S-ino Ballaven.

Sekretario pri financoj : S-ro Royer ; kasisto : S-ro Rousseau.

Li alvokas poste al debato pri la progreso de nia

asocio en la estonteco. Koncerne la *korespondkurson* li konstatis, ke ĝi ne bone funkciis ĝis nun... pro manko de kandidatoj Reklami pri tiu kurso estas nepre farende. Mencio de tiu kurso estis rekomendita en « Espéranto Actualités ».

La prezidanto konscia pri la fakto, ke la Pariza sekretariato jam superŝutita ne povas ĉion fari, proponas malcentralizadon de nia nacia agado, ekz. petante de la lokaj societoj aŭ federacioj difinitajn taskojn : eldonado de propagandaj afiŝoj (Angers). Oni speciale insistis pri la uzado de tuj afiŝoj tute taŭgaj por ekz. anonci malfermon de kursoj aŭ aliaj okazaĵoj. La federacioj faru rapidajn mendojn de tiuj afiŝoj por ebligi ĝustatempan eldonadon. Same por la eldonado de bondeziraj kartoj far la Tuluza societo.

Rilate la pozicion de U.F.E. vidalvide de M.I.E., kaj post debato, estis decidite ĝin oficiale ignori, atentigante la esperantistojn pri la danĝero kunlabori en organizaĵo, kiu riskus fuŝi nian agadon ekz. en la oficialaj instancoj.

*FEDERACIAJ BONDEZIROJ :*

Membro de la *Provenca federacio* petis, ke U.F.E. reeldonu fakvortarojn. D-ro Albault respondis, ke U.E.A. nune prizorgas tion. S-ro Pazzini nome de la federacio proponis ke la kongreso de U.F.E. kaj tiu de S.A.T.-Amikaro okazu en sama urbo kaj en la samaj datoj. La Estraro respondas, ke tio ĉi dependas ne de U.F.E. sed de S.A.T.-Amikaro.

La *Langvedoko-Rusiljona federacio* petas, ke U.F.E. studu modernajn teknikojn por instruado de la lingvo (aŭdovida, ekz-e).

S-ino Cheverry nome de la *Centro-okcidenta federacio* petas, ke U.F.E. sciigu al la grupoj, kiamaniere akiri subvenciojn de la Ministerio pri Nacia Edukado sekve de nia foriro el « Jeunesse et Sports ».

*J.E.F.O.* proponas, ke la konsiliaj kunsidoj okazu ĉiufoje en alian urbon.

S-ro Lemaire nome de *Rodano-Alpa federacio* petas pri altigo de la parto de kotizo restanta al la federacioj.

La *pariza federacio,* konstatinte, ke la Akademio solvis la lingvan problemon pri participoj, prezentis rezolucion, laŭ kiu la ĝenerala kunveno danku la Akademion pri la fina solvo de tiu demando. La ĝenerala kunveno unuanime aprobas.

*FAKASOCIAJ BONDEZIROJ :*

J.E.F.O. proponas, ke U.F.E. eldonu pli modernajn propagandilojn kaj ke niaj du organizoj pli streĉe kunlaboru. G.E.E. opinias, ke la sistemo de la kotizoj estas tro malsimpla. Reordigo de tiu sistemo estus bonvena.

*Traduka konkurso :* 31 partoprenintoj.
1-a premio : S-ro Chicot.
2-a premio : S-ino Vincent.
3-a premio : S-ro Suais.
La traduko estas aperonta en unu venonta numero de la revuo.

*KONKURSO « KIEL PROGRESIGI LA MOVADON »...*

Ĝin partoprenis 11 personoj. 5 artikoloj indis esti publikigitaj.
1-a premio : S-ro Frangeul.
2-a premio : S-ino Giloteaux, F-ino Nourmont.

*KOMUNIKO PRI LA KARAVANO AL MADRIDO* organizita de U.F.E. aperos en la Revuo. S.T.E.L.O. informis pri la studenta kongreso internacia en Aix.

D-ro Albault konkludas la debatojn per neta alvoko al ĉiuj francaj. Esperantistoj multobligi la membrojn de nia asocio, per daŭrigo de la kampanjo « CELADO 2000 ». Li dankas la organizantojn de la kongreso kaj omaĝas la pionirojn de nia movado. Li invitas ĉiujn francajn esperantistojn al la komuna kongreso franca-germana en Strasburgo en 1969.

*La protokolintino : S-ino HUMM.*

# LIBRO-SERVO DE U.F.E.
# LUDO DE LA SURPRIZ-SAKETOJ

La Estrato, konstatis, ke la inventaro de la libro-servo entenas almenaŭ trioble pli da titoloj, ol estis eble vicigi en la librolisto, kiu kuŝas en la Jarlibro. Ne sciante pri ilia disponebleco, la legantoj evidente ne mendas tiujn librojn. La konsekvenco de tio estas, ke la koncernaj libroj riskas dormi por eterne en la ŝranko de la libroservo. Ĉar ili reprezentas sufiĉe grandan sumon, ankaŭ dormas la mono, per kiu U.F.E. akiris ilin, kiu mono estus komprenеble pli utila por ebligi la reeldonon de elĉerpitaj libroj, aŭ, tute simple, por plibonigi la libroservon.

Tial la Estraro decidis likvidi tiun « frostiĝintan » stokon, kio ne signifas, ke la koncernaj libroj estas senvaloraj — kontraŭe kelkaj el ili estas vera trezoro !

Por tio ni bezonas vian komprenon kaj vian helpon. Via helpo konsistos en la aĉetado de *surpriz-saketoj.* Tio estas ludo ; jen ĝia regulo :

1. Partoprenas la ludon ĉiu mendanto de libro (j), kiu aldonas al la mendo-prezo la prezon de unu aŭ pluraj *surpriz-saketoj.*

2. Ĉiu *surpriz-saketo* entenas libro (j)n aŭ artiklo(j)n de la libroservo.

3. *Surpriz-saketoj* ekzistas je ĉiu rondcifera prezo : 1, 2, 5, 10, ... 50, ... ktp. frankoj.

4. La prezo estas kalkulita inkluzive de la kutima rabato de la eldonistoj. Do la ludontoj profitos tiun rabaton, kiun la libroservo foroferas al ili, por dankesprimi pro ilia helpo.

5. La *surpriz-saketoj* ne estos faritaj de la vendistino, tiel ke nur la hazardo respondecos, ke vi ricevos pli ĝuste tiun libron, ol tiun alian. Nur la hazardo kulpos, se vi ricevos libron, kiun vi ja posedas aŭ kiu ne interesas vin.

6. Se tiel estas, ne resendu la libron al la libroservo kun grumblaj aŭ koleraj vortoj. Vi ja partoprenas ludon ; do vi havu la animstaton de ludanto, t.e. gajeco kaj sereneco, eĉ se vi ne gajnis tion, kion vi esperis.

7. En tiu okazo, nur malbenu la sorton, sed konservu la saketon... kaj mendu tuj alian : eble vi estos pli bonŝanca tiun fojon !

8. La Estraro esperas (s.k. : kalkulas !), ke *ĉiu mendanto* partoprenos la *ludon de la surprizsaketoj,* kaj ĝi dankas ĉiujn ludontojn pro ilia helpo.

PARTOPRENU LA LUDON DE LA SURPRIZSAKETOJ, kiun proponas al vi la LIBROSERVO !

# BAZA LABORPLANO DE U. F. E.

*La Komisiono kunvenis la 13-an de Aprilo kaj studis la projekton prezentitan en la no 250 de « Franca Esperantisto ». Gi enkondukis nur etajn sanĝojn en la tekston de la projekto sed, laŭ peto de la reprezentanto de JEFO prezentas ĝin jene :*

## AGADO EN LA MOVADO

1. — ORGANIZO

A) **Aliĝo de novaj membroj**
La lokaj societoj, federacioj kaj fakaj asocioj konvinku la izoludojn aliĝi al la Unuiĝo.

B) **Plifortigo de la Organizo**
a) instigadi la izolulojn al fondo de novaj societoj, la lokajn societojn al fondo de novaj federacioj,
b) studi le eblojn enkonduki esperantistan vivon en departemententojn ĝis unu neorganizitajn.

2. — INFORMADO

A) **La Nacia Revuo** pli bone informu la membraron pri la laboro farita de la estraro kaj konsilio, kaj aperigu artikolojn pri fundamentaj problemoj de la franca movado.

B) **Esperanto-Actualités** estu pli amplekse distribuita pere de la federacioj kaj aldonita al la regionaj bultenoj.

3. — INSTRUADO

A) **Enlerneja instruado** de Esperanto (G.E.E.)
a) restarigi la lernajan komisionon,
b) starigi taŭgajn statistikojn laŭ unuanura modelo por la lando, tiel ke la instrujtoj ne ricevu statistiko-petojn el diversaj flankoj.

B) **Eksterlerneja instruado** de Esperanto
a) instigi al organizo de publikaj kursoj elementaj kaj superaj,
b) instigi al studado de la aparta pedagogio por publikaj kursoj, kaj de iliaj apartaj organizaj problemoj. Rimedoj : artikoloj en la revuo laŭ ebleco ; starigo de speciala kurso por kursgvidantoj,
c) instigi al vizitado de la kursoj en la Kulturdomo Grésillon,
ĉ) reklami por la korespondkurso de la Unuiĝo kaj ĝenerale pri la diversaj ebloj de lernado (diskokurso, ktp...),
d) daŭrigi la organizadon de la Paska Kultura Semajno cele al la preparo al la instruo de Esperanto.

4. —KULTURAJ AFEROJ
KAJ PRAKTIKAJ APLIKOJ

a) **levi la lingvan nivelon de la esperantistoj**
aktivigante ilin en lokaj societoj per ludoj, artaj provoj, grupokantado, debatoj ;
per abonigo al diversaj internaciaj gazetoj ;
per aĉeto de bonaj libroj ;
per partopreno en lingvaj konkursoj (tradukaj, krucvortaj, vortĉenaj, ktp...).

b) **levi la kulturan nivelon**
per instigo al organizo de pli multaj prelegvesperoj, artaj prezentoj (kantoj, scenetoj, k.s.), interŝanĝo de prelegantoj, inter la lokaj societoj kaj regionaj federacioj ;
per invito de eksterlandaj prelegantoj, ktp... per fondo de lokaj bibliotekoj kaj organizo de lokaj libroservoj kiel filioj de U.F.E.-libroservo.

## AGADO EKSTER LA MOVADO

1. — ORGANIZO

**Aliĝo de novaj membroj** per ampleksigo de la simpatianta membraro.

2. — INFORMADO

A) **« Esperanto-Actualités »**
a) disdonado al lokaj aŭtoritatuloj kaj al diversaj simpatiantoj,
b) ampleksigo de la distribuado tra la alilandaj franclingvaj asocioj por la koncernaj landoj,
c) tra diversaj aliaj landoj asocioj por uzo en la medioj ŝatantaj la francan lingvon.

B) **Pligravigo de la ĝenerala informado**
per cirkuleroj « EN BREF » — starigo de reto de inform — korespondantoj, por unu korespondanto en ĉiu federacio. Kontaktoj kun la gazetaro kaj radio-stacioj.

D) **Eksteraj Rilatoj**
kun la aŭtoritatuloj registaraj aŭ neregistaraj (Komitato de la francaj neregistaraj organizoj).

3. — INSTRUADO

informi la lernejajn aŭtoritatulojn kaj de malsupre (raporto de la instruistoj al siaj senperaj superuloj pri la faritaj kursoj), kaj de supre (suma raporto de la lerneja komisiono al la pli superaj aŭtoritatoj).

La Komisiono : P. Babin, Fino Bonafous, S-roj Boyet, Llech-Walter, Trésorier.

# PROJEKTOJ

Dum la Kongreso en Aix, estis diskutata la plua evoluo de nia Revuo kaj ankoraŭ montriĝis, ke la unika barilo kontraŭ niaj projektoj estas la financa bazo ; sed ni plene konfidas la francan Samideanaron por labori al la varbado de novaj membroj-abonantoj.

Do, neniel mirige, ke tiu konfido konkretiĝis en projektojn por igi nian Revuon pli interesa kaj pli alloga. Laŭeble, ni aldonos plurajn rubrikojn al la jam ekzistantaj ; temas pri la jenaj :

UNESKO-NOVAĴOJ : Pro la firmaj ligiloj inter UNESKO kaj U.E.A., vi trovos paĝon, kie ni diskonigos kelkajn el la informoj, kaj atingaĵojn de UNESKO sur la kampo de la kulturo.

GRUPAJ PROGRAMOJ : Vigle kaj alloge gvidi grupon estas tute ne facila afero, pro manko de tempo kaj de mono ; ŝajnas, ke estus utile publikigi en aparta kroniko sugestojn pri programoj de E. kunvenoj ; tiu rubriko estos aparta de la Vivo de niaj Grupoj, ĉar ĝia celo estas, ke la klopodoj de unu gvidanto povu helpi ĉiujn aliajn gvidantojn. En tiu rubriko ni zorgos pri la pruntesendado de prelegaj tekstoj, pri la cirkuligo de ekspoziciaj materialoj ktp.

FAKAJ PUBLIKAĴOJ EN E°. — Estas tre ĝojige kaj esperdone, ke fakaj Revuoj nun uzas nian Lingvon, tute ne por paroli pri Esperanto, sed por trakti tute fakajn problemojn. Por diskonigi tiujn revuojn kaj por montri al ĉiuj la plenan taŭgecon de nia lingvon en ĉiuj kampoj, ni laŭpove dediĉos paĝon al la atentigo pri tiuj Revuoj.

Tiurilate, ni volas sincere danki S-ron Manceau, inĝeniero, kiu bonvolos surpreni grandan parton de la prizorgado de tiu speciala paĝo. En tiu numero, vi povos jam legi analizojn pri Scienca kaj Biblia Revuoj, de li verkitajn.

VIRINAJ AFEROJ. — En nia legantaro troviĝas multaj legantinoj ; kial ili ne posedus specialan rubrikon kie ili laŭvole povus paroli pli speciale pri siaj problemoj ? Estonte, ni provos dediĉi paĝon al tiu temo : sociaj problemoj de la virinoj en la mondo, dommastrumaj umoj, modaj vestaĵoj, kuirreceptoj, ktp.

Pliaj rubrikoj estus utilaj, sed...jes, vi jam komprenis, ĉu ne ? Do, helpu nin kaj nia hodiaŭa konfido baldaŭ fariĝos morgaŭa realaĵo.

A. R.

# ĈU APEROS PLENA ILUSTRITA VORTARO ?

Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) anoncis, ke ĝi efektive eldonos la manuskripte jam pretan Plenan Ilustritan Vortaron, kiam ĝi havos la pruvon, ke almenaŭ 2000 personoj estas pretaj mendi kaj pagi ĝin. U.E.A., kiu forte deziras apogi tiun necesegan entreprenon, alvokas al ĉiuj, kiuj pretas aĉeti la P.I.V., skribe tion deklari.

La konata Plena Vortaro de Esperanto de E. Grosjean-Maupin k.a. unue aperis en 1930. De tiam ĝi fariĝis ne malhavebla posedaĵo por ĉiu serioza uzanto de la lingvo. Ĝi akiris krome grandan prestiĝon kaj certe havis pli grandan normigan influon al la lingva evoluo, ol kiu ajn alia publikaĵo post la Fundamento. Tamen ĉiu vortaro iom post iom malaktualiĝas kaj postulas revizion. La ĉefa parto de Plena Vortaro ne ŝanĝiĝis de post 1934, kaj eĉ la bona Suplemento de prof. Waringhien jam aĝas preskaŭ 15 jarojn. La natura evoluo kaj kompletiĝo de la vortprovizo de Esperanto urĝe postulas novan, maksimume kompletan vortaron.

Kvankam la ideo de Plena Ilustrita Vortaro estis jam en 1953, kiam prof. Waringhien verkis la Suplementon de P.V., « longe karesata revo », kaj sekve des pli longe karesata ĝis hodiaŭ, nur antaŭ nelonge la kolosa laboro de kompilado kulminis kaj la tajpado de la manuskripto finiĝis. Dum multaj jaroj prof. Waringhien dediĉis sin preskaŭ ekskluzive al la laboro super PIV, dum multaj jaroj li konsultadis la plej kapablajn kunlaborantojn pri diversaj fakoj kaj interakordigis la konsilojn.

Estus krima indiferenteco, se la publiko nun lasus tiun tute prespretan manuskripton ŝimi en angulo. Necesas ĝin eldoni.

La eldonistoj, SAT, jam detale esploris ĉiujn konkretajn kondiĉojn por la eldono, kaj restas nur la demando, ĉu la merkato estas preta. La libro estos impona volumo de 1584 paĝoj (PV havas nur 576) en la formato 14 x 19,5 cm. (proksimume kiel « Leteroj de Zamenhof » aŭ la plej nova eldono de « Fundamenta Krestomatio ») kaj kun solida tola bindaĵo. La ilustraĵoj ampleksos 10-12 kompletajn paĝojn. Pri la nivelo de la enhavo la reputacio de la prezidanto de la Akademio, prof. Waringhien, estas pli ol sufiĉa garantio.

La vendoprezo elkalkulita de la eldonistoj estas 69 guldenoj (276 steloj aŭ ekvivalento). Ĉu alta ? Oni konsideru, ke la kompostado de vortaro estas tre komplika kaj longedaŭra, sekve ankaŭ multekosta ; ke la eldonkvanto por Esperanto-vortaro povas esti nur malgranda procento de tio, kio estas normala por nacilingva vortaro franca, germana aŭ simila ; ke la eldonistoj jam 18 monatojn serĉadis de unu presejo al alia por trovi la plej malaltan prezon atingeblan. Je la prezo de unu kongreskotizo aŭ du tranoktoj en bona hotelo oni ricevos vortaron same aŭtoritatan kiel « Plena Vortaro » sed senkompare pli kompletan — vortaron, en kiu troviĝas ĉiuj plej modernaj terminoj por ĉiuj fakaj, hejmaj, literaturaj kaj aliaj medioj. Per la elspezo de 69 guldenoj oni akiros imponan verkon, kiu laŭ sia kompleteco eltenos komparon kun la plej kompletaj vortaroj de la ĉefaj naciaj lingvoj kaj kiu signifos netan kaj videblan antaŭenpaŝon por la tuta afero de la Internacia Lingvo.

Plena Ilustrita Vortaro aperos — se 2000 personoj nun promesos, ke ili ĝin aĉetos. Ne necesas sendi monon tuj. Simple prenu poŝtkarton kaj skribu : « Responde al la alvoko de S.A.T. mi firme kaj formale promesas aĉeti kaj pagi P.I.V., kiam nova komuniko aperos en la Esperanta gazetaro. Mia nomo kaj adreso estas... » La poŝtkarton tuj sendu (aerpoŝte el ekster Eŭropo) al : Libroservo de U.E.A., Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-2, Nederlando. De via decido dependas la sorto de la plej bona vortaro en la historio de Esperanto !

La Estraro de U.E.A.

# 53-a Universala Kongreso de Esperanto

# Madrid, 3-10 Aŭgusto 1968

Konstanta Adreso : Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-2, Nederlando

## OFICIALA KOMUNIKO

**Loĝado.** — La Loĝiga Servo de la Universala Kongreso komunikas ke en la kategorioj C, D kaj E ne plu estas je dispono unulitaj ĉambroj.

Mendante loĝejon en unu el tiuj ĉi kategorioj oni samtempe indiku la nomon de la kongresano, kun kiu oni deziras loĝi. Sen tiu indiko la Loĝiga Servo estas rajtigita lokigi la mendantojn laŭ sia bontrovo.

Por komplezi al la kongresanoj, kiuj ne povas pli frue sendi la mendilon por loĝado, la Loĝiga Servo sukcesis prokrasti la limdaton por akcepto de la mendiloj ĝis la 25-a de majo 1968. Post tiu ĉi dato ne plu eblas garantii rezervon de litoj.

**Arta Festivalo.** — En la kadro de la A.F. la Internacia Arta Teatro prezentos verkojn de Azevedo, Cankar, Cocteau, Krleza, Nusic kaj Pirandello. En 1968 I.A.T. festos la 10-jaran datrevenon de sia unua prezentado.

Post la sukcesoj en Sofio kaj Budapest, Bulgara Esperanto-Teatro denove sin prezentos al la internacia esperantista publiko kun verko de la bulgara aŭtoro Kostov. « Coral Zaragoza », konata hispana kanthoro, prezentos hispanajn folklorajn kantojn en Esperanto.

Partoprenos en la Arta Festivalo la pianistoj Schoonmann kaj Dupuis kaj la kantistinoj v. Dalsem kaj Lehtivaara.

**I.S.U.** — En la kadro de la Internacia Somera Universitato prelegos Prof. Bokarev, Amb. Harry, Prof. Lapenna, Muzik. Lesznai, Prof. Peevski, Prof. Regulo Perez, D-ro Tonkin, Prof. Waringhien.

**Statistiko (je 25-4-1968).** — Arg. 1, Aŭstral. 6, Aŭstr. 10, Belg. 33, Braz. 5, Brit. 89, Bulg 48, Ĉeĥ. 15, Danl. 19, Finnl. 22, Franc. 195, Germ. 51, Grek. 8, Hisp. 271, Hongkongo 2, Hung. 19, Isl. 2, Isr. 7, Ital. 68, Jap. 18, Jug. 240, Kan. 3, Koreujo 2, Meks. 2, Monako 4, Ned. 50, Norv. 16, Nov-Zel. 3, Poll. 27, Port. 18, Sovet 2, Sved. 36, Svis. 10, Tunisio 1, UAR 1, Urugv. 1, Usono 29. Entute 1.334 el 37 landoj.

G.G. POMPILIO

Konstanta Kongresa Sekretario.

## NI PROFITU LA ERAROJN

— LA PROKSIMAN AŬTUNO. — L'une des fautes les plus fréquentes concerne l'accusatif : on le trouve souvent où il ne devrait pas être et il manque lorsqu'il est indispensable. Ici, il faut l'accusatif à « aùtuno » de même qu'à « proksima » puisqu'il s'agit d'un complément circonstanciel de temps. En outre, l'article LA peut être omis, le « prochain automne » étant suffisamment déterminé.

— MI KONSISTOS GRUPON en X... — Le verbe « konsisti » ne convient pas pour fonder, créer un groupe ; les verbes STARIGI ou FONDI sont préférables. D'autre part, KONSISTI est incorrectement employé ; il faut dire :

La grupo konsistas el 10 membroj : le groupe se compose de 10 membres,

ou : 10 membroj konsistigas la grupon : 10 membres constituent (forment) le groupe.

— LI NE POVAS DAŬRI LA KURSON. —

DAŬRI signifie : durer, continuer (sens intransitif) : le bruit continue (dure) : la bruo daŭras. — il continuera el travail : li daŭrigos la laboron (m à m : il fera durer le travail).

— TIO OKAZOS LA MAJA MONATO —

Il vaudrait mieux dire : la monato Majo. De plus, lorsqu'il y a pas de préposition devant un complément circonstanciel, il faut l'accusatif ; il fallait donc écrire :

a) dum (ou : en) la monato Majo ;

ou b) la monaton Majo.

***

## SPESDEKOJ KAJ SPESMILOJ

Jen du vortoj, kiuj fariĝis preskaŭ arkavismaj en nia lingvo sed kiuj nun denove venos antaŭ niajn okulojn kun la ĵusa reapero de la romano MARTA, en traduko de D-ro Zamenhof.

Ĉiufoje, kiam D-ro Zamenhof indikas salajron aŭ prezon por diversaj objektoj, li uzas la valoresprimojn SPESDEKO kaj SPESMILO. Verŝajne, multaj legantoj de tiu verko renkontos malfacilaĵojn por ĝuste kompreni la signifon de tiuj vortoj.

Jen do kion diras la Enciklopedio de Esperanto (de Ŝirjaev) : « Unuo en la internacia helpa monsistemo decimala, proponita en 1907 de R. de Saussure kaj uzita autaŭmilite de E-istoj, ĉefe de la Ĉekbanko E-ista. UNU spesmilo = 10 Spescentoj = 100 Spesdekoj = 1.000 Spesoj. UNU Spesmilo estis egala al duondolaro, unu rublo, 2.50 svisaj frankoj ktp ».

Siaflanke, Profesoro WARINGHIEN en sia Grand Dictionnaire Esperanto-Français indikas la nuntempan valoron de tiuj monesprimoj : La Spesdeko valoras 5 Frankojn kaj la Spesmilo 500 frj, sed ĉar tiu Vortaro estas presita antaŭ la monreformo en Francujo, ni devos kompreni ke verdire temas pri la respektivaj valoroj : 5 centimoj kaj 5 frankoj nuntempaj.

# LA VIVO EN LA KULTURDOMO

## INTERNACIAJ SOMERAJ FERIOJ



**Esperantista Kulturdomo**
(Fondinto : H. Micard)
**Kastelo Gresillon - 49-BAUGÉ - Francujo**

**30-an de Junio - 21-an de Julio :**
KURSOJ (S-ro Ribot), Ekskursoj - Ekzamenoj

**21-an de Julio - 27-an de Julio :**
SEMINARIO DE U.E.A.
« Modernaj Formoj de laboro en la nuntempa Esperanto-Movado ».
Kun partopreno de D-roj Lapenna kaj Zlatnar, S-roj Becker, Dobrynski, Sekelj kaj Thierry.

**28-an de Julio - 3-an de Aŭgusto :**
KULTURO KAJ TURISMO
Diverstemaj Prelegoj - Prezentado de Filmoj — Ludoj-Gvidataj regionaj vizitoj - Du tuttagaj ekskursoj.

**4-an de Aŭgusto - 25-an de Aŭgusto :**
KVAR KURSOJ - EKZAMENOJ
Fotoarto, Bindado, Korbofarado - Ekskursoj.

**25-an de Aŭgusto - 8-an de Septembro :**
KURSOJ - EKZAMENOJ - EKSKURSOJ

**Poste :** Ripoz-periodo, se la nombro de aliĝantoj estos sufiĉa.

Petu informojn, rapide aliĝu ĉe la ĉi-supra adreso.

# SEMINARIO

**sub aŭspicioj de U.E.A.**

Temo : Moderna formoj de laboro en la nuntempa Esperanto-Movado

En la formo de Libera Tribuno, estos pritraktataj jenaj temoj :

**22-an de Julio :** Prof. D-ro Ivo LAPENNA
La socia Pozicio de Nuntempa Esperanto-Movado.

**23-an de Julio :** Jean THIERRY
La agado sur Kampo kultura.

**24-an de Julio :** Tibor SEKELJ
La agado sur Kampo praktika.

**25-an de Julio :** Hans BAKKER (aŭ iu alia reprezentanto de TEJO)
Kunlaboro kun aliaj internaciaj sociaj organizaĵoj.

**26-an de Julio :** Günthre BECKER
Spertoj en Informado kaj Komunikado.

**27-an de Julio :** D-ro Peter ZLATNAR
Bazaj Principoj por sukcesa Organizita laboro.

**Ĉiutaga tagordo :**
Je la 8.30 horo : Matenmanĝo.
Je la 9.30 horo : Enkonduka prelego.
Je la 10.30 horo : Diskutado laŭ la programo.
Je la 12.30 horo : Tagmanĝo.
Je la 16-a horo : Daŭrigo de la diskutado.
Je la 19.30 horo : Vespermanĝo.
Je la 21-a horo : « Nokta Universitato » — Diskuto laŭ liberaj temoj ĉirkaŭ la Ronda Tablo.

**Post la 27-an de Julio :**
Prelegoj diverstemaj
Ekskursoj
Distraĵoj

## *PRI LA PROJEKTITA IZRAELA POŜTMARKO*

honore al D-ro Zamenhof

De Izraela amiko, ni ricevis la jenajn liniojn :

« La marko aperis el la presejo ; tre bela : portreto de Zamenhof sur verda fono kun surskribo en hebrea kaj en esperanta lingvoj « 52-a U.K. de Esperanto en Tel-Aviv, 2-9 Aŭgusto 1967 ». Sed la fortransporto de la U.K. Roterdamon faris la aferon nevalida. Tial la Filatela Servo rifuzis cirkuligi la poŝtmarkon. Ili treege koleris, asertante ke tiu decido kaŭzas la perdon de 3.000 dolaroj usonaj por la markeldono. La Izraelaj samideanoj proponis, ke la Registaro eldonu la markon kun nigra vortstreko, sed ne renkontis konsenton.

# RECENZOJ

## AKTOJ DE LA AKADEMIO

Eld U.E.A. kaj S.A.T. — 75 paĝoj ; havebla ĉe U.F.E., Prezo : 7 frj.

Sub tiu titolo, aperis la 9a Oficiala Bulteno de la Akademio de Esperanto ; ĝia enhavo konsistas el la Aktoj de la Akademio inter la jaroj 1963 kaj 1967. La legado de ĝiaj diversaj eroj estas tiom pli interesa ke ni malofte havas la okazon legi pri la laboroj de nia Akademio ; krome, ni ne preteratentu, ke la decidoj de la Akademio estas devigaj por ni ĉiuj.

Sur bonega papero kaj facillegeble presitaj, sinsekve prezentiĝas la jenaj ĉapitroj :

1. Mallonga historio de la Lingvaj Institucioj
2. Statuto de la Akademio de Esperanto.
3. Akademio de Esperanto.
4. Enketo kaj decidoj pri la Pasivaj Participoj.
5. Enketo kaj decidoj pri la Vortfarado.
6. Komunikaĵoj al la Gazetaro.

Tiuj ĉapitroj alportas tiel riĉan kaj diversan dokumentaron, ke ĉiu E-isto nepre trovos ion « interesan » ; aliparte, tiu 9a Bulteno signas novan etapon en la evoluo de nia Lingvo ; ĉu tio ne sufiĉas por ke vi akiru ĝin ?

## KIEL (MAL) VENKIGI ESPERANTON ?

Elektitaj metodoj de Kanguruo. — 20 paĝa broŝuro, mendebla ĉe U.F.E. : 3 frankoj.

Amuza kaj pripensiga legaĵo, el kiu ĉiu leganto povos tiri utilajn konkludojn por sia E. vivo kaj por sia kunlaboro en la Grupo, kies membro li estas. En la unua parto : **Venkigi Esperanton,** la aŭtoro, kaŝiĝinta sub la pseŭdonomo Kanguruo, donas plurajn konsilojn valorajn. En la dua parto, bedaŭrinde laŭ mi tro mallonga, ni trovas konsilojn por malvenkigi esperanton.

Ofte amuzaj argumentoj, ekz. pri la kultura nivelo de niaj samideanoj. « Nepre ne levu vian kulturan kaj lingvan nivelojn » konsilas Kanguruo ; tiamaniere, vi similos al tiuj samideanoj, kiujn oni demandas : Kiel vi fartas ? kaj respondas « Danko ; ni farti bona ».

## LA MONDPERCEPTO DE LA MODERNAJ NATURSCIENCOJ

Ĵus aperis la prelegoj de la 10a Internacia Seminario de GEJ en la Serio I « Esencaj trajtoj de la hodiaŭa mondo » kiel libro sub la titolo :

**La Mondpercepto de la Modernaj Natursciencoj**

Tiu libro estas grava kontribuaĵo al la scienca literaturo en Esperanto. Giaj aŭtoroj, konataj fakuloj, devenas el 8 landoj :

**B. Popovic,** Jugoslavio, Rigardo en la Mikro - kaj Makrokosmon

**V. Peevski,** Bulgario, Natursciencaj Fundamentoj pri Kosmonaŭtiko kaj Pac-Cela Utiligo de Satelitoj

**Ivo Lapenna,** Britujo, Internaci-Juraj Problemoj de Spacveturado

**Adam Gula,** Pollando, Elementaj Korpuskloj kaj la Strukturo de Materio

**Wim de Smet,** Belgujo, Nunaj Mondperceptoj per la Biologio

**A. Albault,** Francujo, Superpopolado, Konsekvenco de Kronika Malsato

**Erkki Kääriäinen,** Finnlando, Pri la Postsekvoj de la Glacia Epoko en Fenoskandio

**Klaus Wandelt,** Germanujo, Cibernetiko

**Hans Strafzl,** Germanujo, Ranger Fotas la Lunon

Krome la libro entenas bibliografiojn, biografietojn kaj fotojn de la aŭtoroj kaj antaŭparolon de Uwe Joachim Moritz.

**Bibliografiaj notoj :** Formato 13,5 × 21 cm., 170 paĝoj, broŝurita, kun ilustraĵoj, Eldonejo Ludwig Pickel, Nürnberg, 1967.

Prezo 9,60 GM + afranko.

**Mendu** ĉe **Ludwig Pickel,** Eldonejo kaj Libroservo, Postfach 2113, **85 Nürnberg 2,** Germanujo Poŝtĉekkonto Nürnberg 819 56.

# ESPERANTO-ELSENDOJ EN 1967

En la jaro 1967 regule disaŭdigis programojn en la Internacia Lingvo jenaj radio-stacioj (Londono dum nur parto de la jaro) :

1. Rosario (Argentino). — 2. Wien (Aŭstrujo). — 3. Muritiba ; 4. Resende ; 5. Sorocaba ; 6. Teresina ; 7. Uberlandia (Brazilo). — 8. London (Britio). — 9. Sofia (Bulgario). — 10. Praha (Ĉeĥoslovakio). — 11. Pekino (Ĉinio). — 12. Bilbao ; 13. Valencia (Hispanujo). — 14. Budapest (Hungarujo). — 15. Roma (Italio). — 16. Beograd ; 17. Zagreb (Jugoslavio). — 18. Gdansk ; 19. Warszawa (Pollando). — 20. Bern (Svisujo).

Entute 20 radio-stacioj el 13 landoj kompare kun 23 stacioj en 15 landoj en la jaro 1966.

Laŭ la statistiko, kiun faris la Centro de Esploro kaj Dokumentado, tiuj radio-stacioj entute elsendis 2014 programojn, kiuj daŭris 715 horojn.

Pluraj aliaj radio-stacioj disaŭdigis programojn en Esperanto kaj multaj havis elsendojn pri la Internacia Lingvo, precipe en ligo kun la Universala Kongreso de Esperanto en Rotterdam aŭ kun diversaj aliaj internaciaj kongresoj kaj konferencoj, kies oficiala lingvo estas Esperanto.

(El CED — Dokumento)

# LA VIVO DE NIAJ GRUPOJ

## MONFLANQUIN

En la ĉarma urbeto Monflanquin (Lot-et-Garonne) okazis de la 19a ĝis la 23a de Febr. Kultura Semajno organizita de la tiea Junulara kaj Kultura Domo, kiun partoprenis kelkaj esperantistoj, plejparte gejunuloj, inter kiuj tri gestudentoj. Dum la kvin tagoj, kiujn ni pasigis en Monflanquin, neniu tutcerte enuis unu momenton ; tion ni ŝuldas al la tre simpatia kunlabora organizado, aŭ partoprenado, de S-ro Urbestro ANDRIEU S-ro Pons, Ges-roj Roux, S-ro Ribot, la kantintoj kaj ĝenerale ĉiuj, kiuj partoprenis la diskutojn aŭ akceptis nin kaj afable konigis al ni tiom da interesaĵoj.

## KIO VIDINDA EN NORVEGUJO ?

Multaj homoj ne konas la esperantan lingvon. Sed mi havas la feliĉon scipovi tiun lingvon dank' al kiu mi povis fari belan vojaĝon : dum la paskaj ferioj, mi estis en Norvegujo ĉe la familio de Caspary. Mi havis bonan restadon kaj tuj simpatiis kun la najbaroj kaj samideanoj. Mi lernis skiadon. Mi ankaŭ vizitis multajn muzeojn : : la « Frammuzeon », la Fram estis la ŝipo de Roald Amundsen ; la « Kon-Tiki », tiun floson, kie ses homoj vivis sur la Pacifiko, kaj la vikingan muzeon.

Mi vizitis la popolan muzeon de Norvegujo en Oslo kaj vidis la domojn de la tuta lando. Mi vidis la saltejon por la skiantoj kaj la disvastigan turon por televido.

La tagoj ne daŭris longe, ĉar la familianoj Caspary faris, kion ili povis por min okupi.

Sed la tagoj iris kaj iris kaj baldaŭ merkredo alvenis ; en la mateno mi acetis memoraĵojn kaj vizitis la urbodomon en Oslo. Vespere mi forveturis per la vagonaro ; mi estis en Paris vendredon je la oka matene.

Mi dankas la familion de Caspary pro la restado kaj S-inon Vincent pro la aranĝo de tiu restado.

GRAFFIN Alano, 17-jara knabo el Franeujo.

## INAUGURACIO DE LA STRATO ZAMENHOF EN NIMES (FRANCUJO)

La 5an de Majo, okazis la solena inaŭguracio de strato ZAMENHOF en nova kvartalo de NIMES, la urbo, fama en Francio, pro ĝiaj romaj monumentoj.

La ceremonio estis sukcesplena, kaj la multnombraj ĉeestantoj tre interesiĝis pri la Esperantista movado.

La ĉeesto de 3 vic-urbestroj, de pluraj famkonataj personoj el NIMES, de multaj reprezentantoj de la najbaraj esperantistaj grupoj, ĉefe de la amika grupo de la esperantistaj lernantoj de la lernejo de SOLLIES-PONT (Var) kaj de ĝia infana ĥoro, la ricevo de multaj eksterlandaj mesaĝoj, multe impresis la ĉeestantojn.

La regionaj gazetoj longe raportis pri tiu okazintaĵo.

La loka grupo firme esperas, ke tia ceremonio povos helpi por la disvastigo de nia idealo.

## ELBEUF

La normandaj esperantistoj funebras ĉar ili perdis unu el la plej agemaj pioniroj : S-ron Georges Saget 86-jaran. Ni povus skribi longajn detalojn pri la vivo de tiu kuraĝplena batalanto, kiu senlace propagandis nian lingvon en la praktikaj fakoj kaj precipe en filatelo. Li pacience starigis plenan kolekton de ĉiuj poŝtmarkoj en Esperanto kaj tiel estis tutmonde konata. La aĝo trafis lin nur fizike ; ĝis la fino la spirito sin turnis al tiu idealo, kiun li ŝatis : esperanto, por unuiĝo kaj paco inter la popoloj.

M. BOSC.



# 21-a I. F. E. F. kongreso en AVIGNON



Venontjare, en majo, la Urbo AVIGNON fariĝos la celpunkto de ĉiuj E. Fervojistoj en la mondo ; tie, efektive, okazos la 21a Internacia Kongreso de la Fervojista E. Federacio.

Kompreneble, ni pli kaj pli detale informos vin pri tiu impona manifestacio pretiĝanta. Hodiaŭ, venas ĉi sube la programo :

La Internacia, Fervojista Esperanto-Federacio kongresis de la 11a ĝis la 17a de majo 1968a en « Oraj Sabloj », apud VARNA (Bulgarujo).

Venontjare, I.F.E.F. kongresos en Francujo (Avignon) de la 17a ĝis la 23a de majo 1969a.

Jen la provizora programo de la 21a I.F.E.F. — kongreso :

| | |
|---|---|
| *Vendredon la 16-an :* | Gazetara Konferenco. |
| *Sabaton la 17-an :* | Kunsido de la IFEF - Estraro kun LKK.<br>Interkona vespero. |
| *Dimanĉon la 18-an :* | Diservoj.<br>Solena malfermo de la Kongreso.<br>Distra posttagmezo.<br>Internacia balo. |
| *Lundon la 19-an :* | Komitataj Kunsidoj.<br>Junulara Komisiono.<br>Fakprelega Komisiono.<br>Terminara Komisiono.<br>Duontaga ekskurso per aŭtobuso<br>(Uzès kaj Pont du Gard).<br>Teatra kaj folklora vespero. |
| *Mardon la 20-an :* | Komitataj Kunsidoj.<br>Bankedo.<br>Fakprelego kaj filmoj. |
| *Merkredon la 21-an :* | Tuttaga ekskurso per aŭtobuso<br>(Arles kaj Camargue). |
| *Jaŭdon la 22-an :* | Plena Kunsido.<br>Diversaj vizitoj.<br>Junulara vespero. |
| *Vendredon la 23-an :* | Duontaga ekskurso per aŭtobuso<br>(Fontaine de Vaucluse kaj Orange).<br>Fermo de la Kongreso. |

Espéranto et Culture

OFICIALA ORGANO DE G.E.E.

Redaktas : S-ino VINCENT, rue des Oiseaux, 27 - Les ANDELYS
Materialon por « Esperanto et Culture » oni sendu antaŭ la 5-a de la antaŭa monato

Alvoko al ĉiuj geinstruistoj :

Se viaj gelernantoj bone desegnas, partoprenu en la sekvanta ekspozicio pri infandesegnaĵoj :

En novembro 1968 : Esperanto-klubo P.O. Box 838 Dunedin Novzelando.

Dorsflanke de la desegnaĵoj, bonvolu skribi la nomon, aĝon,, loĝlokon de la aŭtoro kaj la lernejon, kiun la aŭtoro vizitas.

---

# RAPORTO PRI LA RENKONTIĜO DE J. E. F. O. EN MARSEILLE

Mi partoprenis la jaran renkontiĝon de J.E.F.O., kiu okazis tiujare en Marseille, de la 8a ĝis la 12a de aprilo. Ni loĝis en la nova junulargastejo de Bonneveine. Ni ne estis tre multaj, sed tamen ni pasigis agrablegajn tagojn.

La programo estis tre diversa. Ni parolis pri la statutoj de J.E.F.O. dum unu tuta mateno. Ni faris la programon de la kongreso de S.T.E.L.O., kiu okazos aŭguste en Aix-en-Provence.

Sed ankaŭ ni multe promenis : ni vizitis la fabrikon Nestlé ; tie ni estis tre bone akceptitaj. Sur muro de la fabriko estis skribita : « La fabriko Nestlé ĝojas akcepti hodiaŭ grupon de junaj geesperantistoj. » La sinjoro, kiu akceptis nin, estis tre afabla. Post la vizito, oni donis al ni senpage ĉokoladon.

Ni iris al la If-Kastelo ; tie la vento blovis. La ŝipo, kiu portis nin al la kastelo, promenigis nin je la marbordo kaj en la nova haveno inter la grandaj ŝipoj.

Ni promenis dum unu tuta tago en la montaro apud la marbordo. La vetero estis tre bela, kaj la loko tute dezerta. Ni manĝis sur belaj ŝtonoj, proksime de la maro. Ni ankaŭ promenis sur la Malnova Haveno ; ni vidis la antikvan urbon, kies esploro nur komenciĝas, ni grimpis al la ĝardeno « Pharo » kaj al « Notre-Dame de la Garde ».

Ni provis instrui pri la esperanta lingvo, per la rekta metodo, kelkajn personojn dum promeno en la parko « Borély ».

Kaj ĉiuvespere, post manĝo, ni kantis ; kelkfoje, ni ludis kaj ni multe ridis.

Ni parolis preskaŭ ĉiutempe esperante. Kiam ni eniris en vendejojn, la vendistoj surprizite rigardis nin, ĉar inter ni, ni neniam parolis france, kaj tamen ni tre bone parolis france kun ili. Kaj ofte ili demandis al ni : kialingve vi parolas ? Kaj ni respondis : Esperante ! Tiel ili vidis, ke Esperanto estas parolata lingvo.

Sed bedaŭrinde mi rimarkis, ke multe da personoj ne scias, ke la esperanta lingvo estas parolata, eĉ ke ĝi ekzistas.

Tiuj kelkaj tagoj estis tiel agrablaj, ke mi intencas denove iri al la venonta renkontiĝo de J.E.F.O., kiu okazos certe en la Kastelo Grésillon.

Jean-Pierre LAURENTI.

# -:- Fontenelle et la Dent d'Or -:-

L'un des textes proposés comme exercice de thème dans le Manuel de Préparation au Kapableco, a pour auteur FONTENELLE ; c'est un extrait de son Histoire des Oracles, qui s'applique tellement bien à l'Espéranto qu'on ne peut résister à l'envie de le reproduire ; voici donc le passage essentiel :

« En 1593, le bruit courut que les dents étant tombées à un enfant de Silésie, âgé de 7 ans, il lui en était venu une d'or, à la place d'une de ses grosses dents. Horstius, professeur en Médecine dans l'Université de Helmsted, écrivit en 1595 l'Histoire de cette dent, et prétendit qu'elle était en partie naturelle, en partie miraculeuse, et qu'elle avait été envoyée de Dieu à cet enfant pour consoler les Chrétiens affligés par les Turcs. Figurez-vous quelle consolation, et quel rapport de cette dent aux Chrétiens, ni aux Turcs. En la même année, afin que cette dent d'or ne manquât pas d'historiens, Rullandus en écrit l'histoire. Deux ans après, Ingolsteterus, autre savant, écrit contre le sentiment que Rullandus avait de la dent d'or, et Rullandus fait aussitôt une belle et docte réplique. Un autre grand homme, nommé Libavius, ramasse tout ce qui avait été dit de la dent et y ajoute son sentiment particulier. Il ne manquait autre chose à tant de beaux ouvrages sinon qu'il fût vrai que la dent était d'or. Quand un orfèvre l'eut examinée il se trouva que c'était une feuille d'or appliquée à la dent avec beaucoup d'adresse mais on commença par faire des livres, et puis on consulta un orfèvre ».

Dans ces lignes, qui mettent si manifestement en lumière la permanence et l'ampleur de la bêtise humaine, même chez ceux qui se croient parvenus au faîte de la connaissance et de la culture, il suffit de remplacer les termes se rapportant à la dent d'or par d'autres concernant l'espéranto, puis de changer les noms des pseudo-savants de l'époque par ceux des « beaux esprits » de la nôtre pour obtenir une amusante parodie du texte de Fontenelle.

Ainsi, les temps évoluent, les problèmes changent, tout se transforme... mais la sottise humaine demeure et reste à travers les siècles et malgré les progrès apparents, la plus parfaite illustration de l'infini.

A. R.

---

## *LES SCOUTS EN VOIE D'UTILISER L'ESPERANTO*

Cette année, le Jamboree International des Scouts utilisera l'espéranto, conjointement à l'anglais. Cette importante décision a été prise récemment par le Commissaire responsable de l'organisation du Jamboree, qui mit en avant les problèmes linguistiques qu'entraîne l'usage exclusif de l'anglais, ainsi qu'il s'est fait jusqu'à présent. Le Jamboree, qui aura lieu en Essex, Angleterre, rassemblera des scouts d'Italie d'Autriche, de Grande-Bretagne, du Danemark, des Pays-Bas, de Norvège, du Nigéria, de Suisse, de la République Arabe Unie et des Etats-Unis. Le Comité d'organisation du Jamboree, a adressé une requête spéciale aux participants, les exhortant à l'étude de l'espéranto en prévision de cette manifestation. L'espéranto sera utilisé dans diverses branches des activités du Jamboree y compris les rites religieux et la gazette du Jamboree.

Une étude régulière de plusieurs mois serait plus que suffisante pour amener les scouts, qui auraient décidé d'apprendre l'espéranto, à une facilité de conversation en cette langue, qui est notablement plus aisée à apprendre que les langues nationales.

# HISTORIA DOKUMENTO

**Al la afableco de s-ro HOLZHAUS, el Usono, ni dankas la reproduktaĵon de la ĉi kuna dokumento oficiala ; temas pri la naskiĝdokumento de la pli aĝa filino de D-ro ZAMENHOF, Sofia. La kliŝo prezentas la dokumenton mem kaj apud, troviĝas la traduko de la teksto. Ni tre sincere dankas S-ron HOLZHAUS, kiu havigis tiun dokumenton al la historia trezoro de nia Movado.**

LIETUVOS TARYBŲ SOCIALISTINĖ RESPUBLIKA
ЛИТОВСКАЯ СОВЕТСКАЯ СОЦИАЛИСТИЧЕСКАЯ РЕСПУБЛИКА

Respublikinis civilinės metrikacijos archyvas
Республиканский архив записей актов гражданского состояния

Miestas Vilnius
Город

GIMIMO LIUDIJIMAS
СВИДЕТЕЛЬСТВО О РОЖДЕНИИ

Serija TL
Серия ТЛ № 005609

Piliet Zamengof
Граждан
Sofija Lazarovna
gimė 1.XII.1889.
родился (лась)
Kauno m.

Tėvai—Родители:

Tėvas Zamengof Lazar Markovič
Отец
tautybė
национальность
Motina Zilbernik Klara Aleksandrovna
Мать
tautybė
национальность
apie tai civilinės metrikacijos gimimo aktų įrašų knygoje 1889 m. XII mėn.
о чем в книге записей актов гражданского состояния г. мес.
1 dieną įrašytas atitinkamas įrašas, eil. Nr. 204
числа произведена соответствующая запись за № Kauno m. rab.

Išdavimo data 1967 m. II mėn. 3 d.
Дата выдачи г. мес. д.

A. V.
М. П.

**LITOVA SOVETA**
**SOCIALISMA RESPUBLIKO**

Respublika arkivo de enskriboj de aktoj en civila statregistro Urbo Vilnius.

NASKIĜATESTO
Serio TL Nro 005609

Civitanino Zamenhof
(nomo
Sofio, filino de Lazaro
antaŭnomo kaj antaŭnomo de patro).

Naskiĝis 1.XII.1889. La 1-a de Decembro mil okcent okdek naŭa jaro. (naskiĝdato per ciferoj kaj vortoj). Urbo Kaunas (loko de naskiĝo).

Gepatroj :

Patro Zamenhof Lazaro, filo de Marko (nomo, antaŭnomo kaj antaŭnomo de patro) nacieco —

Patrino Zilbernik Klara, filino de Aleksandro

(nomo, antaŭnomo kaj antaŭnomo de patro) nacieco —

pri tio en libro de enskriboj de naskiĝaktoj la 1.XII.1889 estas farita konforma enskribo, sub n-ro 204. Rabeno de urbo Kaunas.
Dato de eldono La 3-a de Februaro 1967
Estro de arkivo de enskriboj de aktoj en civila statregistro (subskribo).
Sigelo Sekretario (subskribo)
Rimarko. En kelkaj lokoj litova kaj rusa tekstoj ne koincidas.

1.XII.1889 estas laŭ nova kalendarstilo la 13-12-1889.

El litova kaj rusa lingvoj tradukis A. Holzhaus (Usono).

# En bref...

*La grande figure polonaise* Copernic sera honorée à l'occasion d'un séminaire qui doit être organisé par les jeunes espérantistes polonais, à Torun, en avril. Cette manifestation de trois jours se fera sur le modèle d'un séminaire similaire qui eut lieu l'an passé et auquel assistèrent 200 jeunes espérantistes de six pays.

•

*Les écoles des Etats-Unis* se placent actuellement au cinquième rang dans le monde en ce qui concerne l'enseignement de l'espéranto, selon un récent rapport paru dans « New Digest », la gazette de langue anglaise de J.E.N., l'organisation de jeunes Américains espérantophones. Ce rapide progrès est dû à l'augmentation notable du nombre des écoles proposant l'espéranto en Californie.

# UNESKO-NOVAĴOJ

## SINGAPURO : KVAR OFICIALAJ LINGVOJ

La Respubliko Singapuro, kiu troviĝas ĉe la plej suda pinto de la Malaja Duoninsulo, konsistas el unu pli granda kaj pluraj malgrandaj insuloj kun entuta areo de 224 kv. mejloj (580 kv. km.). Ĝiaj 1.800.000 loĝantoj formas socion multelingvan kaj diverskulturan, en kiu ĉinoj, malajoj kaj hindoj estas la ĉefaj etnaj grupoj.

En 1957 oni taksis la analfabetecon inter la loĝantoj pli-ol-naŭjaraj je 55 %, sed la sesjara elementa instruado senpaga enkondukita en 1960 en la lernejoj, kies instrulingvo estas unu el la kvar oficialaj (malaja, ĉina, tamila aŭ angla), nun jam elradikigas la analfabetecon.

Sed en tia nova, diverslingva nacio, kie ia sento de nacia unueco estas tre grava elemento, ĉiam pli sentiĝas la bezono de ia komuna rimedo de interkompreniĝo. Tial la ministeria instanco « Lembaga Gerakan Pelajaran Dewasa » (Komitato por Klerigo de Plenaĝuloj) insistas pri instruado de dua kaj eĉ tria lingvo por faciligi la intergrupajn kontaktojn. De post 1960 ĝi do organizas kursojn de ĉiaj temoj kaj ĉiaj niveloj en la kvar oficialaj lingvoj kaj samtempe instruigas la lingvojn germanan, francan, japanan, tajan, hindian, hispanan, italan, rusan kaj aliajn. En 1966 pli ol 54.000 personoj partoprenis lingvo-kursojn en 1.795 klasoj.

## AUROVILLE — LA UNUA « MONDA URBO »

La 28-an de februaro 1968 oni lokigis sur konstruejo apud Pondiĉeri en Hindujo la fondo-ŝtonon de nova urbo : Auroville, dekomence planita kiel ideala urbo. Laŭ la ĉef-arĥitekto, s-ro Anger, la intenco estas, ke iam Auroville fariĝu la unua « Monda Urbo », kien povus veni ĉiu ajn persono, ĉu sen pasporto, ĉu kun ia « internacia pasporto », kaj ke fondiĝu ankaŭ aliaj tiaj urboj — eble en Sud-Ameriko aŭ en Eŭropo. En Auroville estos tri ĉefaj lingvoj : la tamila (la plej granda lingvo de suda Hindujo), la angla kaj la franca. Ĉiu, kiu volas kontribui al la konstruo de nova socio, estos tie bonvena, same tiel la sciencistoj de la novado Pugwash kiel ankaŭ la ' hipioj ' usonaj. La projekton subtenas la Hinda Registaro, kaj ankaŭ aliaj registaroj interesiĝas. Unesko donas sian moralan apogon.

## FILM-KONKURSO HOMAJ RAJTOJ

Okaze de la Jaro de Homaj Rajtoj (1968) organizas film-konkurson pri tiu temo la Internacia Konsilo de Grafikaj Asocioj (Icograda). Ĝi invitis studentojn de artaj kaj grafikaj lernejoj kaj de film-lernejoj tra la mondo konkursi per filmoj, kiuj ilustros la principojn de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. Limdato : 1 majo 1968. Detale informas : Icograda, P.O. Box 868, Amsterdam, Nederlando).

## POŜTMARKO PRI BEZRUĈ

La ĉeĥoslovaka poŝto eldonis poŝmarkon 60-heleran okaze de la 100-jara datreveno de la naskiĝo de la nacia poeto Petr Bezruĉ, kiu mortis 91-jara en 1958, estis mem poŝt-oficisto laŭ la profesio.

Lia poemaro « Sileziaj Kantoj », en kiu ardas la indigno de la poeto kontraŭ lingva kaj alia imperiismo, aperos en Esperanto en ŝtata eldonejo en Ĉeĥoslovakujo. Ĝin akceptis U.E.A. por la Serio Oriento-Okcidento.

## JAPANAJ SCIENCISTOJ EKSPEDICIAS EN AFRIKO

Dudeko da japanaj sciencistoj — profesoroj kaj studentoj el la Universitato de Kioto — faras studvojaĝon sub gvido de prof. Jamaŝita tra Saharo kaj tra ses afrikaj landoj : Alĝerio, Etiopio, Supra Volto, Malio, Sudano kaj Ĉado. La ekspedicion subvencias unu el la kvar ĉefaj japanaj ĵurnaloj, Sankei, kaj ĝi faras esplorojn antropologiajn, lingvistikajn, botanikajn, agrokulturajn kaj medicinajn. Unu grupo pristudos la rok-pentraĵojn de la alĝeria Saharo kaj de Ennedi (Ĉado).

## ANTAŬHISTORIA URBO RICEVIS AERHAVENON

Mohenĝo-Daro en Pakistano, la plej granda plane konstruita urbo de la antaŭ-historia mondo, antaŭnelonge ricevis propran aerhavenon. Mohenĝo-Daro estas la plej grava el ĉiuj retrovitaj urboj de la valo de la rivero Indo (Indus aŭ Sindhu). Pro la situo 300 mejlojn (483 km.) for de Karaĉi trans la dezerto ĝi estis ĝis la pasinta jaro neatingebla krom por la plej persistaj vojaĝantoj. Elsabligo de la 4.000-jara urbo komenciĝis en la 20-aj jaroj, sed la rezultojn povis vidi ĝis nun nur kelkaj fakuloj. La aerhaveno signifas, ke la praurbo povos fariĝi grava fonto de turismaj enspezoj.

## UNIVERSITATO EN MADAGASKARO

Prezidanto Tsiranana inaŭguris lastatempe la novan Universitaton de Tananarive sub la nomo « Fondaĵo Charles-de-Gaulle ». La universitato, konstruita kun helpo de la Franca Registaro, havas du fakultatojn (natursciencoj, juro kaj ekonomio ; beletro kaj sociaj sciencoj) kaj plurajn teknikajn institutojn (agronomio, publikaj laboroj, administrado ktp). Jam aliĝis pli ol 3.000 studentoj.

## AKVO SUB SAHARO

La norda Saharo havas unu el la plej sekaj klimatoj de la mondo : meze falas malpli ol 100 mm. (4 coloj) da pluvo jare, kaj praktike ne ekzistas konstantaj riverfluoj. Sud la dezerto, tamen, kuŝas preskaŭ senlimaj kvantoj da akvo : unu sola el la du ĉefaj artezaj akvujoj enhavas, laŭtakse, 30.000.000.000.000.000 (30 milionoj da miliardoj) da kubaj metroj la 'fosilia' akvo, kiu trafiltriĝis malsupren en la kavaĵon dum la pasintaj 100.000 jaroj. Projekton por ekspluati science tiun rezervaĵon entreprenas nun la registaroj de Tunisio kaj Alĝerio kunlabore kun UN kaj Unesko.

# FAKAJ REVUOJ TUTESPERANTAJ

## BIBLIA REVUO

64 p. formato 17 x 23,5, dumonata, jarabono 30 FF pere de U.F.E.

**Antaŭparolo,** Moto : pri Bibliaj k. Orientaj Studoj. Celo : eldoni tute en Esperanto en tiu fako, kie la revuoj ĝenerale aperas kun multlingva, ne de ĉiuj alirebla enhavo, « ĉar bone instruita persono, tute facile kaj senerare povas kompreni la internacian lingvon, tute sen peniga studo »... Alvokas al kunlaboro ĉiuj fakuloj ĉu ili estas Esperantistaj aŭ ne.

Do unu plia revuo ne pri nek por Esperanto, sed per Esperanto : subtenenda almenaŭ en la komenco ĝis ĝi flugpovos sole, per la ĉiulingvaj fakuloj.

**Protoluko,** D. BROADRIBB, Universitato Melbourne, Australio.

Analizo de la hipotezo ĉu la LUK'a evangelio estas aŭtentika, aŭ repreno de du pli malnovaj libroj aŭ tradicioj kun kompletigaj partoj eltiritaj el la MARK'a evangelio, la tuton estus eble LUKO kunmetita ? Tiun analizon gvidas komparo semantika, lingvoforma, stilkutima, k.t.p. Sekvas bibliografio.

**Lingvo k. religio laŭ la Biblia vidpunkto,** A. CAPELL, Univers, Sydney, Aŭstralio.

Se oni koncedas ke la Biblio estas raporto pri agoj en kiuj Dio sin manifestis, kaj se oni volas havi ŝanĉon iel koncipi ne tro malĝuste pri la Dia esenco, ĉar oni ĝenerale ne disponas pri originalaj dokumentoj, pro kio leviĝas la ĉiela (el la adverbo ĉiel) danĝero de mistraduko, necesas ĝisfunde studi la traduk-kaj originalajn lingvojn por kontroli kaj aprezi iliajn reciprokajn influojn en la tradiciaj tradukoj.

**Ha-'aj Aŝer Missad Bèt-'el** : p. G. LOMBARDI, Jerusalemo.

Studado pri ŝajna malkongrueco inter Biblia priskribo, topografio kaj eltrovaĵoj de arkeologio. La aŭtoro montras ke la tradicia traduko de m.s.d. laŭ « missad » ne estas la sola ebleco, sed ke « msad » donas al la frazo 12:9 en JOSUO tute alian lumon : ne plu estus alian urbon Aj, sed naturfortikaĵo de Bĝt-'el. Li ankaŭ esploras la konsekvencojn de la topografia, militarta, filologia, vidpunktoj. Tiu nova propono multon klarigas, ĝi ankaŭ agordiĝas kun arkeologio.

**Kutimaj rubrikoj** : recenzoj pri 1) fakaj libroj, 2) fakaj revuoj.

Novaĵoj pri la Biblia fako.

**Indekso** pri antaŭa serio de BIBLIA REVUO (1964-1966, n° 1-8).

## KEMIO INTERNACIA

Vol. 3, n° 2, p. 81 ĝis 160, Formato 16 x 22

Ĉefa enhavo :

**Chemical Abstract Service,** Dr F. A. TATE, C.A.S. vicdirektoro, Usono. — Disvolviĝo de tiu Usona servo por prikemiaj resumoj : 1956, 600.000 resumoj ; 1966, 1.600.000 ; antaŭvidita 1976, 3.500.000 resumoj ; — por tiucela plenumado : ekuzado de komputiloj.

**De stireno al polistireno.** R. FRICKER, B.A.S.F., Germanujo. — Priskribo de tri procezoj uzataj (el kiuj 2 elpensitaj endome) en B.A.S.F. por stiren-polimerigado cele al diversaj specifaj uzoj, kaj historio de la eltrovo de polimerigado.

**Sperto pri plene mekanika deponado de naturfosfato,** Z. PLUHAR, Severoĉeske Chemické Zàvody, ĈSSR. — Utiligo de la kutima ŝutdeklivo 34° de naturfosfato por senhoma malstokado, apartaj ecoj de kola apatito.

**Elektroforezaj esploroj pri ovproteinoj de kelkaj planorbidoj** : C.A. WRIGHT - G.C. ROSS, Londona British Museum, Anglando. — Tiu esplormetodo ebligas klare distingi ties rasojn kaj helpas al biologiaj esploroj pri tropikaj malsanoj de la homo (Bilharziozoj).

**La modernaj aparatoj por produktado de oksigeno k. nitrogeno per aerdistilado.** B. ROLET, Houillères du Bassin de Lorraine, Francujo. — En tiu unua parto estas pririgardataj la ĝeneralaj specifaj problemoj pri aerdistilado kaj la respektivaj konceptoj de LINDE k. CLAUDE pri produkto de fridenergio.

**Seleno, nova nepre necesa elemento,** Pro. F. BELTRAM, Arĝentino. — Oni montras la animalajn misfunkciojn venantajn de manko de vitamino E k. de seleno.

**Titrado de tre etaj kvantoj da sulfuro.** L. BARTOVSKA, Ĉ ĈERNY, altlernejo de kemia teknologio, Praha. ĈSSR. La titrado okazas pere de lodata solvaĵo k. ebligas konstati de 0,5 g 1 % ĝis 26 g 0,5 %.

Kaj kutimaj rubrikoj pri OMS, kongresoj fakaj, Internacia atomenergia agentejo, Eŭratom, informoj el Firmoj : ICI, BASF, BABCOCK WIOCOX, POLYMETRON, DOW CORNING C°.

Resumoj de Kemio Internacia aperas en « Chemical Abstracts » USONO, « Chemisches Centralblatt » GERMANUJO, « Referativny Zhurnal » USSR.

Jarabono : vol. 3a : FF 7,50 ; Vol. 4a : F 10,00 ; ekzemplero, F 2,50 ; pagi al Sro Broise, C.C.P. Parizo 17.516.95 aŭ al U.F.E.

## SCIENCA REVUO

Vol. 19, N° 1 (73), formato 14 x 20, 40 p.
eldono de I.S.A.E. Jarabono (4 N°) 10 FF,
p.ĉ.k. Broise, 17 516 95 Paris.

**La strukturo de oracio** : F.G. BLASQUEZ, Venezuelo. — Studo ĝenerala pri la sintakso de la indo-eŭropaj lingvoj. (Oracio estas kunaĵo da vortoj esprimanta kompletan sencon.

**Faraday k. etimologio** : K.J. Young, Britujo. — Elektroteknikaj vortoj enkondukitaj de Faraday.

**Povorta detraduko de Eo fare de kalkuliloj** : M.E. FALLA, Britujo. — Elserĉado de metodoj por sencia traduko de Eo helpe de komputoroj.

**Maljuniĝo de la nerva sistemo, 2) Neŭropatologiaj K. psikopatologiaj ŝanĝiĝoj** : T. ROSINSKY, Ĉeĥoslovakujo kaj K.A. KAPUSI, Rumanio. — Post la unua artikolo pri « morfologiaj k. psikologiaj ŝanĝiĝoj », kie estis studitaj la korpe fizikaj ŝanĝoj, mensaj ŝanĝoj kaj eblecoj de la maljunaĝo, tie oni studas la malsanojn, simptomojn, kuracilojn de la maljuneco. Ŝajne ekzistas malsanoj propraj al maljuneco kaj propra efiko de maljuneco al komunaj malsanoj. Interalie, malfaciliĝas la agadon la grada malapero de sentivaj kaj apertaj simptomoj.

**Raciigo de la laboro en agrikulturo k. hortikulturo** : O. PANCER, Jugoslavio. — Studado pri diversaj manieroj raciigi laboron, kiu laŭ la rutinaj metodoj estas ellaciga, konsumante ekz. dum grenrikolto 5.200 Kcal. dum la supra fiziologia limo estas 4.800 Kcal. Montras kiel laboriloj estas ofte maltrafe kaj malbone konceptitaj, la grandajn malavantaĝojn de la durada unuaksa traktoro, la studojn de DUPUIS (F.R. Germ.) pri plibonigoj de la kutima traktoro : formo de la seĝo, alilokigo de la leviloj k. preniloj...

**Rubriko de Terminologia Centro de I.S.A.E.** : Red. R. HAFERKORN. — Avertas pri novaj priterminaraj aperaĵoj.

## INTERNACIA JURA REVUO

(adreso ne indikita !)

La tria numero de la 2a Jaro entenas la sekvantajn studojn :

Kosma spaco kaj juro, D-ro Marton (Budapest).

La pozicio de advokato en Belgujo, Prof. D-ro Roost (Antverpeno).

La pozicio de advokato en Anglio kaj Kimrio, S.R. Dulton (Leeds).

La juro en Usono, E. Svane (New-York).

La ŝtataneco en la aŭstra juro, D-ro P. Klaus (Graz).

# DE ROYAN AU QUARTIER LATIN

Voici quelques semaines que se réunissait à Royan la 5e Conférence de Coopération mondiale pour envisager les délicats problèmes relatifs à l'enseignement des langues vivantes. Bien entendu, comme il fallait s'y attendre, le soi-disant échec de l'espéranto fut une fois de plus mis en relief, de meme d'ailleurs que celui de l'enseignement scolaire classique sur le plan linguistique.

Ceci est d'autant plus révoltant que souvent, ceux qui « constatent » si volontiers l'échec de l'espéranto, n'ont rien fait pour contribuer à sa diffusion et n'ont rien négligé pour entraver sa progression ; autorisations refusées, subventions supprimées, allusions stupides etc., le palmarès en serait long et varié...

Certes, que de fois les dirigeants de nos Associations ont demandé l'ouverture d'un dialogue dans le but d'envisager l'introduction progressive de l'espéranto dans les programmes et examens. Or, jamais une entrevue officielle ne nous a été accordée. Les Pouvoirs Officiels veulent continuer à ignorer ce qu'est véritablement notre langue et préfèrent s'enfermer dans une ignorance ridicule.

D'ailleurs, nous n'avons pas le monopole du refus de dialogue. Les éminents personnages qui dirigent notre Université sont les descendants directs de Mascarille : « ils savent tout sans avoir rien appris » ; aussi, ils n'ont nul besoin de s'informer et encore moins de recevoir des conseils ; il ne faut même pas leur présenter de demandes, car eux seuls, dans la plénitude de leur Science, savent ce qui convient à tous et à chacun.

Aussi, les événements dont le Quartier Latin a été récemment le théâtre n'ont étonné personne, sauf peut-être ceux contre qui ils sont dirigés. La violence est toujours regrettable, car elle engendre des excès, des injustices et finalement la haine ; mais, ce qui est encore plus regrettable, c'est qu'en France, la violence soit devenue le seul moyen efficace de faire entendre sa voix.

A l'appui de ce que nous avançons, rappelons que le 17 mai 1957, une pétition de 164.000 signatures était remise à M. Louis Cros, chef de Cabinet du Ministre de l'Education Nationale ; cette pétition qui demandait l'introduction de l'espéranto sous forme de langue facultative au Baccalauréat portait les signatures de Membres des diverses Académies, de trois Recteurs, de 45 professeurs en Sorbonne et même de deux Associations de Professeurs de langues vivantes. Malgré cela, le Ministère ne daigna jamais répondre !

Devant l'action menée par les milieux estudiantins, une éminence du Ministère a déclaré qu'il fallait dépoussiérer l'Université ! Oui, il importe au plus haut point pour l'avenir de notre pays que notre Enseignement rompe avec un passé révolu et se décide enfin à se tourner vers l'avenir. Il ne faut plus former des hommes pour le XVIe siècle, mais déjà pour le XXIe ! Il serait souhaitable aussi que les dirigeants de notre Université reviennent à plus de modestie et de réalisme : qu'ils cessent de considérer leur esprit comme le siège de la vérité absolue ; qu'ils s'informent constamment de l'évolution rapide de notre monde actuel, qu'ils acceptent loyalement et calmement le dialogue qu'on leur propose. Ce n'est qu'à ces conditions que nous cesserons d'entendre ces stupidités rabâchées depuis plus d'un demi-siècle : l'esperanto n'a pas de littérature, on ne peut pas le parler ; c'est communiste, etc...

Descartes, qui imagina les grandes lignes de la grammaire espéranto, écrivait que le bon sens est la chose du monde la mieux partagée. Les jours à venir nous montreront s'il en est toujours ainsi. Quant à l'ouverture d'un dialogue entre le Ministère et notre Mouvement, ce n'est peut-être pas pour demain. Il faut d'abord enlever la poussière et les fossiles. Et il y a tant de l'une et des autres -

A. RIBOT.

---

# PRIPENSAĴOJ

— Ĉu ne hontinde, ke la fanatikuloj fervoras kaj la saĝuloj malviglas ? Necesas estis ingarda sed ne timida.

VOLTAIRE.

— Kalkulu, laŭplaĉe, je l'ĉielo kaj je vi por helpi vin, sed nepre ne je viaj « geamikoj ».

VIOLLET LE DUC.

STUDENTA TUTMONDA
ESPERANTISTA LIGO

STUDENTA ESPERANTISTA
RONDO de la UNIVERSITATO
AIX -MARSEILLE

# Tria Kongreso de la Studenta Tutmonda Esperantisto Ligo

**Aix-en-Provence — Francujo — 13-20 aŭgusto 1968**

## DUA OFICIALA INFORMILO

**PROGRAMO :**

Kiel **kutime** : interkona vespero, oficiala inaŭguro, komitatkunsidoj, distra vespero, oratora konkurso, balo, ktp...

Kaj **krome :** ĝenerala kunsido pri « STELO-10-jara » ; prelegoj pri Cézanne, pri Zola, pri la provencaj lingvo kaj regiono ;

— raporto kaj diskuto pri enketo : « **studentoj tutmonde** — iliaj pozicioj sociaj, altlernejaj kaj politikaj » ; forumo kun loka studentaro ; diskuto pri « suprera instruado » ; raporto kaj diskuto pri « studentaj rajtoj », enkadre de la jaro de homaj rajtoj.

— **fakaj kunsidoj** kaj **vizitoj,** laŭ la studobjektoj de la partoprenontoj ; pri temoj traktotaj, bonvolu jam nun skribi kion vin plej interesus en via fako ; estus bone ke en ĉiu fako aparte oni diskutu la temon « strukturoj kaj metodoj de instruado » de la aparta fako ; kaj krome temon, speciala por ĉiu fako ; ekz ; por filologio oni proponis studon de « Eseo pri deveno de la lingvoj », de Rousseau ! por arĥeologio kaj historio : Aix en romia periodo ; por filozofio : aktualeco de filozofio ; por psikosociologio : okazos enkadre de la kongreso seminario pri « psikosociologio de esperanto-movado », kun kunlaboro de spertaj fakuloj.

— vizito de la tutmodernaj **fakultatoj** de Aix vizito de la **malnova urboparto :** Aix, kreita 122 jarojn a. K., havas multajn historiajn postrestaĵojn (mezepoka katedralo, kun klostro, 17-18 jarcenta kvartalo, kasteletoj, multege da fontanoj, 6 muzeoj-vi eĉ povos vidi ovojn de dinosaŭroj ! ne eblas ĉion mencii !). Ekskurso al **montaro** Ste-Victoire (tiom ofte pentrita de Cézanne) kaj al tipa provenca **vilaĝo.**

**Tuttaga ekskurso :** romiaĵoj de St-Rémy-de-Provence ; regiono de Les Beaux ; Arles (arenoj, romiaĵoj, katedralo) ; delto de la Rodano, la Camargue (rizkulturo) ; banado en maro Mediteraneo, ĉe strando de Fos.

La programo ankoraŭ provizoras, kaj eble okazos kelkaj ŝanĝoj.

**Loĝado :** en modernaj unupersonaj ĉambroj de la studenta hejmo. Proksime de ĝi estas la studenta restoracio kie ni plej ofte manĝos, kaj la Fakultato pri Beletroj kaj Homaj Sciencoj, kie ni kongresos.

**Informoj** kaj **Aliĝo :** ĉe Studenta Esperantista Rondo, 28 rue Portalis, 13 - Aix-en-Provence. Bonvolu indiki : nomo, antaŭnomoj, naskiĝdato studobjekto (tre precize : jaro, fakultato, fako...), adreso, membro (aŭ ne-) de STELO, pagmaniero de la kotizo (pĉk, mandato...). Aliĝo validas nur post ricevo de la pago.

**PREZO :**

| | ĝis 31-3 | post 31-3 (ĝis 1-7) |
|---|---|---|
| ne-membroj : .......... | 140 F. (400 steloj) | 160 F. (460 steloj) |
| membroj : ........nur | 130 F. (375 steloj) | 150 F. (430 steloj) |

(inkluzive : manĝadoj, loĝado, Kongresaj programeroj kaj ekskursoj) pĉk : Cercle des Etudiants Espérantistes, 4 721 42 Marseille.

BONVENON AL VI ĈIUJ !

La Organiza Komitato.

# TRADUKA KONKURSO POR LA LINGVOAMANTOJ

*TIPAJ SOLVOJ*

Texte n° II, 1. — **Un vœu ultime.**

Exactement deux semaines plus tard, Erich était déjà de retour du combat. Il était revenu par un train sanitaire, grièvement blessé d'une balle dans la région pulmonaire. On le transporta à l'hôpital de Spandau, sa ville de garnison. Aussitôt qu'il le put, il fit connaître sa présence à Anne-Marie ; et dès la première visite qu'elle lui rendit, tout en parlant avec effort, il lui fit part de son pieux et fervent désir de l'épouser. Il ne se rendait certainement pas compte de son état désespéré. Les médecins le déclaraient perdu. Dans l'éclat fièvreux de ses yeux c'était déjà la mort qui parlait. Mais plus son état empirait, plus s'ancrait son idée fixe de mariage, comme si par cette union avec un être jeune et sain, son corps meurtri eût pu recouvrer des forces.

Extrait de « Kiel akvo de l'rivero »
de Raymond Schwartz.

Texte n° II, 2. — **« Timiga geniulo ».**

Estis homo, kiu dekdujara per tiroj kaj rondoj jam kreis matematikojn ; kiu deksesjara verkis la plej sciplenan « Traktaĵon pri konikoj » iam viditan de post la antikva tempo ; kiu deknaŭjara reduktis en maŝinon unu sciencon starantan tuta en la intelekto ; kiu dudektrijara elmontris la fenomenojn de l'aerpezeco kaj detruis unu el la grandaj eraroj de l'iama fiziko ; kiu ĉe la aĝo, kiam la aliaj homoj apenaŭ ekviriĝas, trakurinte ĝisfine la rondon de l'homaj sciencoj, ekkonsciis pri ilia vantaĵo kaj turnis sian penson al religio ; kiu de ĉi tiu momento ĝis sia morto — okazinta en lia trideknaŭa jaro — senĉese malforta kaj malsana, fiksis la lingvon parolotan de Bossuet kaj Racine, donis la modelon de la plej perfekta ŝerco kiel de la rezonado la plej forta ; kiu fine, en la mallongaj intertempoj de siaj malsanoj, kvazaŭ distriĝe solvis unu el la plej altaj problemoj de la geometrio kaj ĵetis surpaperen pensojn tiel diecajn kiel homecajn. Ĉi tiu timiga geniulo estis nomata Blaise Pascal.

Extrait de « Le Génie du Christianisme »,
de F.R. de Chateaubriand.

## KOMENTARO

Antaŭ ĉio ni dankas al ĉiuj gelegantoj, kiuj esprimis al ni sian ĝojon pro la apero de ĉi tiu nova serio de tradukkonkurso : al ĉiuj ni bondeziras fruktodonan partoprenecon.

***

La fonto de l'unua teksto estis facile rekonebla por tiuj, kiuj legas la literaturon : el trideko da partoprenintoj nur dektri rekonis la stilon de l'aŭtoro.

● LAZARETVAGONARO. — Se al lazaretŝipo respondas *vaisseau hôpital*, lazarettrajno estas ja *train* aŭ *convoi sanitaire*.

● GRAVE VUNDITA. — Laŭ la Franca Akademio : *grièvement blessé*.

● JAM OKAZE DE ŜIA UNUA VIZITO. — Ĉar la franclingvaj posesivoj ne tiel precize kiel la esperantaj indikas la posedanton, estas preferinde pro klareco uzi ĉirkaŭfrazon : *dès la première visite qu'elle lui rendit*.

● PENE PAROLANTE. — Iu demandis, kial estas « parolante » kaj ne « parolanta » ; tute simple, ĉar la participo rilatas al la subjekto kaj indikas manieran cirkonstancon de la verbo « prezentis ».

● PIAN DEZIREGON. — La malfacilaĵo kuŝas en la sufikso -eg, kies valoron povas traduki nur epiteto : *grand* estus sensuka, *vif* jam pli bona, sed *fervent* pli kongruas kun *pieux*.

● LA SENESPERECO DE SIA VUNDO. — Laŭvorte : *le caractère désespéré de sa blessure*, alidire : *son état désespéré*.

● NESAVEBLA. — *Incurable, « irrécupérable », « impossible à sauver »*, sed la kutima formulo estas tiuokaze *perdu*.

● EL LA FEBRA BRILO DE LIAJ OKULOJ JAM PAROLIS LA MORTO. — Ĉiu el vi ja sentis la esprimoriĉan belecon de ĉi tiu frazo, kies malfacileco por franca traduko kuŝas en la vortordo laŭeble konservinda.

***

La dua teksto estas konata ekstrakto de fama romantikulo : nur dek partoprenintoj rekonis ĝin. La ĉefa malfacilaĵo kuŝas en tio, ke preskaŭ la tuto konsistas en unu frazo, kies rimarkindan kadencon necesas kiel eble, plej konservi.

● UN GÉNIE EFFRAYANT. — *Impresega, mirega, eksterordinara genio* — *Timiga geniulo* estas preferinda, ĉar temas pri homo, kaj estas pli bone traduki fidele la impresospecon.

● AVEC DES BARRES ET DES RONDS. — *Stangoj* kaj *ringoj* estas tro konkretaj vortoj ; *strekoj* aŭ *rektoj* kaj *cirkloj* tro teknikaj vortoj ; tial ni provis esprimi la nuancon per *tiroj* kaj *rondoj*.

● « TRAITÉ DES CONIQUES ». — Pri sciencoj preferinda estas la vorto « *traktaĵo* », *(komunikaĵo* se temas pri informo al scienca societo).

● RÉDUISIT EN MACHINE. — Kial delasi la bildon ? *Maŝinigis* kunhavas alian signifon ol *reduktis en maŝinon*.

● QUI EXISTE TOUT ENTIÈRE DANS L'ENTENDEMENT. — Evitinda estas la rilativo *kiu* pro la plurfoja ripeto rilate al *homo ;* pli trafasenca la predikativo *tuta* ol la adverbo *tute*.

● COMMENCENT A PEINE DE NAITRE. — Ĉe tia kunteksto la verbo aludas pri la plenkreskiĝo ; sekve, ni elektis ekvivalenton : *apenaŭ ekviriĝas*.

● S'APERÇUT DE LEUR NÉANT. — Rilate al sciencoj la vorto *néant* elvokas senvalorecon, malgravecon : *ekkonsciis pri ilia vantaĵo*.

● LA LANGUE QUE PARLÈRENT BOSSUET ET RACINE. — Rilativo evitinda : *la lingvon parolotan ; -otan,* ĉar Pascal estas antaŭa al Bossuet kaj Racine.

● QUI TIENNENT AUTANT DU DIEU QUE DE L'HOMME. — Unu plia rilativo evitinda pro la sama motivo kiel ĉi-supre ; la signifo akcentas la kvaliton de la pensoj, kiun kvaliton esprimas la sufikso -ec : do, *tiel diecajn kiel homecajn.*

● JETA SUR LE PAPIER. — La esprimo *kuŝis sur papero* estas erara, ĉar la verbo *kuŝis* estas netransitiva kaj mankas la direkto-akuzativo. Devus do esti : *kuŝigis sur paperon,* sed estas preferinde konservi la originalan bildon : *ĵetis surpaperen.*

***

La gelegantoj estas petataj traduki la dujenajn tekstojn kaj sendi siajn provaĵojn ĝis la 30a de Julio (laŭ poŝta stampo), al : U.F.E.-T.K., 34, rue de Chabrol, Paris Xe.

## Teksto no II, 3. — (El esperanto en la francan)

### Pri esperanta literaturo

Kiuj ĉeestis en tiu ĉi teatro unu ei la du lastaj vesperoj kaj aŭdis la aktorojn de Kaatje sonigi tra l' ĉambrego la belajn harmonie ritmitajn silabojn, tiuj pli firme konvinkiĝis, ke taŭgas nia lingvo por literaturo, kaj inter la plej belsonaj lingvoj de l'mondo Esperanto tenas sian nepre altan lokon.

Sur la kampo de literaturo ni vivas pli multe per nia koro, kaj povas esti nur bone kaj utile, ke ni metas nin por momento en tiun atmosferon de fido kaj beleco, ĉar ni tiel nin sentos pli proksimaj al la interna ideo kaj al la vera animo de nia tuta movado.

Kelkaj al ni riproĉis, ke ni faras literaturon en Esperanto, aliaj, ke ni literaturon ne havas. Unu la alian detruas tiaj kritikoj.

Kiel estus eble, ke lingvo vivu sen literaturo ? Al vivanta lingvo ĝi estas ja necesa kiel la koro al vivanta homo. Literaturo estas por ĉiu lingvo la beliga centro, en kiu alfluas la sango por puriĝi kaj poste reflui en ĉiujn partojn de l'vivanta korpo. Lingvo ne povas esti laŭordone nur komerca kaj scienca.

Kiel povus iu malpermesi, ke troviĝos iuj homoj por paroli pli arte kaj pli zorge ol aliaj ? En ĉiu homo kaŝiĝas iu deziro al beleco. Jam en prahistoriaj epokoj per pintaj pecoj de ŝtono la homoj provis skulptadi figuraĵojn sur la maldelikatajn meblojn, kiujn ili tranĉadis por si el la trunko de l' falintaj arboj. De belarto tio estis la humila komenco.

Ankaŭ en parolo baldaŭ troviĝis artistoj, kiuj deziris kanti ritmitajn frazojn aŭ diri rakonton en ia pli bela maniero, ol kutime. Kiel estus eble malpermesi, ke talenta homo skribu aŭ parolu en pli eleganta maniero, ol lia najbaro, kiu uzas la lingvon nur por vendadi aŭ ordonadi per mallongaj rapidaj frazetoj ?

## Teksto no II, 4. — (El la franca en esperanton)

### Une nuit de noces

Nous nous sommes promenés par la ville à deux, doucement, en parlant. Ce fut notre voyage de noces. Un beau voyage. Et, à la nuit, nous sommes rentrés dans notre nouveau foyer, un appartement de cent vingt-cinq francs par mois, qu'on se promettait de meubler plus tard. On a fait sa prière ensemble, pour la première fois. On a lu quelques pages, et médité ensemble. Et puis ç'a été tout. On s'est embrassés, ma femme est allée dormir. Et j'ai dormi de mon côté. Et nous n'avons été mari et femme que quelques jours après.

On rira, peut-être. On dira :

— C'est puéril !

Moi, je sais bien que ce sacrifice-là nous a été utile. Je l'avais offert pour avoir un jour un fils prêtre. Mais j'en ai été le premier récompensé. Ma femme m'en a estimé et aimé davantage. Et puis, je ne l'ai ni heurtée, ni blessée. Nous avons eu le temps de nous familiariser, de nous habituer l'un à l'autre. Nous avons pu devenir époux sans froissement, ni honte, ni gêne, parce que quelques jours de vie commune nous avaient préparés.

Il m'a coûté d'en parler. Je le fais cependant pour être utile aux jeunes, pour qu'ils sachent que c'est une chose possible, facile. Que si elle n'est pas à conseiller à tous, ils ne seront en tout cas, en agissant ainsi, ni ridicules, ni stupides, et qu'au contraire cette épreuve de respect envers celle qui va être la compagne de leur existence entière, ce petit sacrifice consenti à sa délicatesse de jeune fille, leur vaudront, avec sa gratitude, un embellissement, une purification de leur amour, pour toute la vie.

***

*DIFERENCIGAJ DEMANDOJ :*

1) Kiuj aŭtoroj verkis la ekstraktojn ?

2) El kiuj verkoj venas la ekstraktoj ?

***

*REZULTATO por la kongreso en Aix :*

Gajnis la unuan premion s-ro E. Chicot, 92 - Saint-Cloud, 32 poentoj.

la duan premion s-ino J. Vincent, 27 - Les Andelys, 31,5 poentoj ;

kaj la trian premion s-ro R. Suais, 75 - Parizo, 29 poentoj.

*Rimarko.* — Pro la malfrua apero de la decembra numero de F.E. ni kompreneble devis prokrasti la limdaton, sed ĉi tio prokrastis ankaŭ la ceteron. Krome pro la venonteco de la kongreso en Aix la premiado okazis nur surbaze de du tekstoj ; sed tiu de 1969 estos bazita sur ĉiuj venontaj tekstoj ekde nun. Fine nur tri estas premiitaj, sed ni aldiru, ke venis entute 31 provaĵoj, el kiuj 23 atingas 20 aŭ pli da poentoj : ne eblas citi ĉiujn, kaj oni bonvolu kompari kun la tipaj solvoj...

# Notre Congrès National dans la Presse

La presse a largement fait écho à notre Congrès national. C'est ainsi que « Le Figaro » du 16 avril 1968, par la plume de son envoyé spécial, Jacques Dhaussy, écrivait :

Les espérantophones français viennent de terminer, à Aix-en-Provence, les travaux de leur 60e congrès, placé sous le haut patronage de M. Alain Peyrefitte, ministre de l'Education nationale. Ils ont fêté par la même occasion le 70e anniversaire de la première association espérantiste du monde qui porte aujourd'hui le nom d'Union française pour l'espéranto...

...Pour justifier entre compatriote l'abandon de la langue vernaculaire et l'emploi constant de l'idiome international dans l'hôtel de l'ancienne faculté des lettres, nos espérantistes avaient invité quelques amis Finlandais, Néerlandais, Allemands et Tchécoslovaques. C'était aussi, pour une vingtaine de personnes qui se présentaient aux examens de capacité ou de la licence d'enseignement, une occasion de faire un exercice pratique de dernière heure. En effet, le jury de l'Institut français d'espéranto, chargé d'établir les programmes, de sanctionner les études et de délivrer les diplômes, y tenait ses assises.

A l'issue des réunions auxquelles ont participé scrupuleusement deux cent cinquante fidèles — parmi eux de nombreux professeurs et instituteurs — on est parvenu, nous a dit le président de l'association française, le Dr Albault, à deux conclusions qui sont aussi les objectifs de l'année qui vient :

— Intensification de l'enseignement de l'espéranto dans les établissements scolaires. Cette langue simple, mais qui exige beaucoup de précision, facilite et accélère l'assimilation des autres langues étrangères. Elle n'est encore enseignée que dans quatre-vingt-dix établissements scolaires, lycées, écoles primaires et écoles normales.

— Lutte contre toute discrimination linguistique en répondant à l'appel lancé par l'Unesco à toutes les organisations internationales non gouvernementales pour commémorer le vingtième anniversaire de la déclaration universelle des Droits de l'homme.

Enfin, on a beaucoup parlé du prochain congrès international qui se chauffera cet été au soleil de Madrid et aussi de la première rencontre franco-allemande qui, l'an prochain à Strasbourg, doit marquer le caractère européen de l'espéranto.

« L'AURORE » du 15 avril : « l'espéranto devrait être une matière à option... Sur le plan national l'Union Française s'emploie à faire adopter l'espéranto comme matière à option dans les lycées. Le même journal publiait le 19, sous le titre « Alors vite le volapük », la lettre d'un étudiant d'Aix : « On a encore dans l'oreille les propos méprisants dont De Gaulle, pour mieux condamner l'intégration européenne accablait le volapück et autres langues à prétention universelle (sic !)... L'Elysées aurait-il revisé son jugement ? Puisque le congrès des espérantistes français qui vient de se tenir à Aix-en-Provence, a été ouvert par le représentant du gouvernement, le sous-préfet de Zélicourt ? » Commentaire de « l'AURORE » : Et pourquoi pas ? On a vu d'autres changements de direction ! « PARIS-JOUR » du 15 avril notait : « Tous les espérantistes de France sont réunis en congrès à Aix-en-Provence : au programme de ce 60e congrès : la fin de la discrimination linguistique, sous toutes ses formes, sur le plan international, et l'intensification des efforts de l'information sur le plan national ». « LE MONDE » du 15 avril « Le congrès a demandé notamment l'intensification de cette langue dans les établissements scolaires... » 90 établissements scolaires dispensent actuellement cet enseignement en France.

« LA PROVENCE LIBÉRÉE » a consacré une page entière le 20 janvier et le 30 mars (avec la traduction intégrale de « Magali »).

« Jean Bonnet du « MÉRIDIONAL - LA FRANCE » qui a couvert intégralement les travaux du congrès pendant les 4 jours qu'il a duré a su dégager avec netteté les objectifs de l'U.F.E. » : mieux informer l'opinion publique sur l'espéranto, en dénonçant les préjugés, partipris et discriminations dont il est encore l'objet, intensifier son enseignement dans les établissements scolaires. Le « Provençal » et « La Marseillaise » lui ont également donné une importance particulière, soulignant l'accueil chaleureux de la municipalité et le plaidoyer enthousiaste du préet d'Aix, M. de Zélicourt, en faveur de l'Espéranto », seule langue à prétention universelle ».

« SUD OUEST » du 15, « Dépêche du Midi », « Les Dépêches à Dijon », « L'Indépendant », Perpignan, « Bien Public » ont reproduit les informations transmises par les agences.

# ĈU VI SCIAS, KE...

— La E. Grupo en Romans-Bourg de Péage (Drôme) organizas Internacian Semajnan Renkonton de la 18a ĝis la 27a de Julio, kun alloga programo. Ĉiuj detaloj riceveblaj de la Grupa Sidejo, 31, rue Pêcherie, Romans, Drôme.

— La ĉekoslovaka urbo Liptov eldonis bele ilustritan faldfolion tutesperantan ? Ĝi estas ricevabla de : Komisia pre cestovny ruch pri ONV, LIPTOVKY MIKULAS Ĉekoslovakio.

— En SONNENBERG (Germanujo) okazos Instruisto-Konferenco de la 20a ĝis la 29a de Aŭgusto. Partoprenos elstaraj Parolontoj : Prof. Lapenna, Prof. Neergaard, S-ro G. Becker, D-roj Bormann kaj Sadler, Doc. Dimov. Ĉiuj informoj ĉe s-ro Helmut SONNABEND, im Eckerkampsfeld 11 a, — 3161 DOLLBERGEN (Germanujo).

— En la universitata hungara urbo Szeged okazos de 15 ĝis 25 de Julio Internacia Turista Renkontiĝo. Informejo : Lenin krt. 61 SZEGED.

— La junaj esperantistoj, kiuj interesiĝas pri voluntula laboro provos instrui la internacian lingvon en Francujo aŭ Nederlando. Instruistoj kaj helpantoj bezonataj. Informojn vi povos ricevi de F-ino LIOUVILLE, 6, rue Léon--Vaudoyer, Paris-7e.

— La instancoj de la Internacia Mediteranea Foiro en PALERMO afable disponigis senpagan budon por la diskonigo de E. Pri tiu Foiro aperis pluraj faldfolioj kaj afiŝoj kun E. surpresoj. La Prezidanto de la E. Grupo, S-ano LA COLLA petas de vi, ke vi skribu al la Direkcio de la Mediteranea Foiro en Palermo (Piazza Generale Cascino) por gratuli kaj sugesti pliajn iniciatojn favore al la uzado de E. en komerco kaj por la Internaciaj Foiroj ĝenerale.

— S-ino Irina CHIRITESCU Str. Cotita 2 CLUJ (Rumanio) deziras interŝanĝi rumanajn poŝtmarkojn stampitajn aŭ ne kontraŭ francaj ne ŝtampitaj.

— La Centra Oficejo de « PASPORTO » kiu celas la peresperantan internacian Hominterŝanĝo (individuoj kaj familioj) Bv. Orono 866 « A » ROSARIO (Argentino) bezonas vian kunlaboron kaj estas preta tiucele sendi maksimume 25 ekzemplerojn de 6-folia flariga broŝuro al organizoj kaj individuoj, kiuj petos ilin celante la naciskalan disvastigon de PASPORTO. Tiuj el vi, kiuj deziras uzi nian lingvon sur praktika kaj pozitiva grundo certe ŝatos kunlabori kun PASPORTO, planita kaj prizorgata de la Junaj Argentinanoj esperantistaj.

— La hungara Instituto por Kulturaj Interrilatoj preparis fotoekspozicion pri Hungarujo konsistanta el 100 fotoj en grandeco de 24 × 30 kaj 30 × 40, kun esperantaj klarigtekstoj. Ĉiuj fotoj estas tuj utiligeblaj, sen antaŭe necesa laboro. Estas planite, ke tiu ekspozicio vojaĝos en multaj eŭropaj urboj kaj restos laŭbezone unu aŭ plurajn semajnojn en ĉiu loko. La Hungara E. Instituto atentigas, ke la sukceso de tiu vojaĝanta ekspozicio povus alporti la rezulton ke Esperanto estus samnivele traktata, kiel la ĉefaj naciaj lingvoj en tiu grava instituto de la hungara registaro.

Fine, la sendkoston de la ekspozicia materialo al via urbo kaj de tie al la loko de la sekvanta ekspozicio pagos la hungara Instituto por Kulturaj Interrilatoj.

La interesatoj pri tiu atentinda projekto de senpolitika kaj nur kultura ekspozicio bonvolu informi kiel eble plej rapide nian parizan sidejon 34, rue Chabrol, Paris (10e) pri sia preteca aranĝi tiun ekespezicion en sia urbo.

Ĵus reeldonis U.F.E.

# ABC d'Esperanto

**à l'usage de ceux qui aiment les lettres**

**de Prof. G. WARINGHIEN**

— Konciza kaj trafa prezento de la Internacia Lingvo.

— Libro rekomendinda por informi pri Esperanto la klerajn personojn kaj intelektulojn.

— Nepre bezonata de Esperanto-instruantoj.

**Mendu ĉe U.F.E.** **F. 3,50**

# Tio, Kion mi Kredas

**de Jean ROSTAND**

lerte tradukita de P. Berlot

— Nepre legu tiun ĉi libron, en kiu la fama biologo esprimas siajn pensojn, pri la vivo kaj sia fako.

— Familiariĝu kun scienculo kaj pensulo, kiu plurfoje esprimis publike sian simpation al Esperanto.

**Mendu ĉe U.F.E.**

**Nur F. 3,00**

# Les Héros Existentialistes dans l'Œuvre

**de J.-P. SARTRE**

kompilita de Colette Llech-Walter

— Vi devas ekkoni tiun gravan filozofian doktrinon.

— Profitu la okazon, ke talenta studentino pri filozofio klarigis ĝin por vi en Esperanto.

— Dulingva eldono !

**Mendu ĉe U.F.E.** **F. 3,00**

**... kaj ne forgesu ankaŭ**

**mendi unu aŭ plurajn**

# "Surpriz-Saketojn"

Prezoj ekzistas por ĉia monujo ! :

1 F., 2 F., ... 5 F.,

... 10 F., ... 50 F.

Mendu surprizsaketojn :
vi tiel helpos al la Libro-servo kaj pliriĉigos vian bibliotekon !

Imprimerie Coconnier — Sablé-sur-Sarthe

Le directeur-gérant de la publication : A. BOURDEAUX.